XVII[a] jaro. N° 245 (1) ⋆ Monata ⋆ Januaro 1921

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE
*La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## AKADEMIA DEKLARACIO

La Esp. Akademio ĵus dissendis oficialan deklaracion pri la rolo de niaj lingvaj institucioj. Ni ne konsentas kun ĉiuj partoj de tiu dokumento, kiun ni deziris pli mallonga kaj malpli propagandema, sed multo en ĝi estas klare, saĝe kaj utile dirita.

„Ĉar Esperanto estas *vivanta* lingvo, ĝi evoluas laŭ natura maniero, same, kiel la naciaj lingvoj, per iomaj post iomaj aldonoj aŭ ŝanĝiĝoj, laŭbezone eniĝantaj en la uzadon. La sorto de nia lingvo kuŝas do en la manoj de la Esperantistoj.“ Tio ĉi estas admirinda esprimo de vero plej esenca. „La Esperantistaro havas la rajton libere uzi la lingvon; ĝi ne rajtas detrui kaj pereigi ĝin.“ Ankaŭ tio trafe distingas la bonon de la malbono.

„Kreante la Lingvan komitaton kaj la Akademion, la Esperantistaro konigis sian precizan celon kaj firman volon, deklarante, ke ĉi tiuj institucioj estas komisiitaj *vor zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj kontroli ĝian evolucion* (Regularo).“

Pri la konserva flanko de tiu tasko la deklaracio insistas iom tro ekskluzive laŭ nia opinio. La kontrola zorgo ne estas absolute sama. Ĝi estas plia. En sia vortaro Kabe ja difinis la vorton kontroli: „esplori, ĉu io estas tia, kia ĝi devas esti.“ Bonega difino! Sed se la Akademio ĉiam opinius, ke ĉio devas esti kiel ĝi estis antaŭe, tiam ĝia kontrolo fariĝus efektive nur konservado kaj batalo kontraŭ ĉiu „evolucio“, „aldonoj„ aŭ „ŝanĝiĝoj“ pli supre aluditaj.

Kiel la Esperantistaro, la Akademio ne havas la rajton pereigi la lingvon. Nu, estas du manieroj mortigi junan estaĵon, ĉu haltigante ĉu trorapidigante ĝian kreskadon. Ambaŭ manieroj kondukas al morto. Ambaŭ manieroj estas evitindaj.

Prave la Akademio gardu la uzantojn de la lingvo de ĉiu ajn senpripensa fantazio rompanta la unuecon. Malprave ĝi kreus mortigan teruron kontraŭ la necesaj respondoj al progresaj bezonoj de la vivo.

Tiel komprenite, la antaŭlasta paragrafo de la Deklaracio staras kiel laŭdinda gvidilo: „La kontrolo de la Akademio, ne forprenante la liberecon de ĉiu Esperantisto, nek barante la normalan naturan kaj laŭnature internacian evoluadon kaj pliriĉiĝadon de la lingvo, tamen konservas ĝian severan unuecon.“

Al tiu deklaracio estas aldonitaj du cirkuleroj al Lingvo-komitatanoj. La unua anoncas baldaŭan submeton de tria Oficiala Aldono al la Fundamento Vortaro kaj tuj postan eldonon de plena radikaro entenonta la kvar antaŭajn kun franca, angla, germana, rusa, hispana, itala kaj sveda aŭ dana tradukoj kaj Esperanta difino de ĉiu radiko.

La dua cirkulero vokas al L. K.-anoj kaj al ĉiuj kapablaj Esperantistoj, ke ili anoncu al la Direktoro de la Sekcio por Teknika Vortaro, Centra Esperanto-Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris IX, sian fakan kaj diverslingvan kompetentencon, se ili estas pretaj kunlabori al preparado de iuj ajn teknikaj vortaroj.

Ni forte subtenas tiun ĉi alvokon kaj gratulas D-ron Corret pri lia iniciato.

*Edmond Privat.*

# LIGO DE NACIOJ

## Esperanto ĉe la ligo

### Oficialaj dokumentoj

Ni presas kiel dokumentojn interesajn por niaj legantoj 1e la oficialan resumprotokolon pri la 12a kunsido de la Komisiono N-ro II, 2e la raporton de la komisiono N-ro II pri lingvo internacia kaj 3e la stenografan protokolon de tiu parto el la fin-lasta kunsido, dum kiu oni malfrue parolis pri Esperanto, kiam ĉiuj estis jam lacaj kaj dezirantaj paki valizojn.

* * *

### Dekdua Kunsido de la Komisiono N-ro II

*Ĵaŭdon 16 decembro 1920*

Prezidanto: *Prof. Thomas Jonnesco.* — La kunsido malfermiĝas je 15 h. 30.

*La svisa delegito (S-ro Ador)* legas la tekston de rezolucia projekto pri internacia lingvo, subskribita de la delegitoj el dekunu regnoj.

*La belga delegito (S-ro Lafontaine)* subtenas la proponon kaj memorigas pri la kreskanta intereso, kiun vekas Esperanto de post la milito.

*La ĉina delegito (S-ro Tang Tsai Fou*[1]*)* ankaŭ apogas la rezolucion kaj esprimas la opinion, ke estus bone, ke mondlingvo estu instruata en ĉiuj lernejoj kaj lernata de la Ĝenerala Sekretariaro de la Ligo. Li deklaras, ke Esperanto speciale allogas la ĉinajn studentojn.

*La persa delegito (Emiro Zoka ed Dowleh)* insistas pri la neceseco de internacia lingvo.

*La dana delegito (F-ino Forchhammer)* diras, ke ŝi aprobas la rezolucion kun la kompreno, ke la proponita enketo ne estos ekskluziva, sed kontraŭe tiel vasta kiel eble.

*La brita delegito (S-ro Barnes)* proponas akcepton de la rezolucio forprenante la trian paragrafon.

Post diskuto la rezolucio estas alprenita en la sekvanta formo (vidu la konkludon de la raporto).

LIGO DE NACIOJ

Dokumento N-ro 253

### Lingvo internacia

#### Raporto de la Komisiono N-ro II al la Kunsido

*Raportanto:* S-ro Senatano Lafontaine

La Kunsido resendis al Komisiono N-ro II rezolucion prezentitan de S-roj *Lord Robert Cecil* (Sudafrika), *Octavio* (Brazila), *Lafontaine* (Belga), *Wellington Koo* (Ĉina), *Huneeus* (Ĉilia), *Restrepo* (Kolombia), *L. M. princo de Nawanagar* (Hinda), *Doret* (Haitia), *Schanzer* (Itala), *L. M. Emiro Zoka ed Dowleh* (Persa), *Beneš* (Ĉeĥoslovaka).

La komisiono konsentis kun la subskribintoj de la propono por konstati la gravajn lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj por deziri la instruadon, en ĉiuj lernejoj de l' mondo, de internacia lingvo simpla kaj facila, kiun la geknaboj lernus krom sia gepatra lingvo, kaj kiun la estontaj generacioj uzus kiel ĝeneralan rimedon por internacia komunikado. Tamen la komisiono konsideris, ke estus bone komenci per enketo bazita sur la kampo de la faktoj.

La komisiono aŭdis kun intereso, ke la Mondkongreso de Internaciaj Asocioj en Bruselo lastan septembron sukcesis atingi ĉe si unuanimecon inter partianoj de internacia lingvo rekomendante al ĉiuj, ke ili subtenu Esperanton por rapidigi praktikan solvon. Ĝi ankaŭ aŭdis de la Persa kaj Ĉina reprezentantoj ĉe la Ligo de Nacioj, ke granda popola movado ekvastiĝas en Azio samcele, kaj ke kelkaj ceteraj regnoj, anoj de la Ligo, kiel Brazilio kaj Ĉeĥo-Slovakio jam enkondukis la instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj. Same faris kelkaj urbestraroj anglaj kaj italaj.

Fine la komisiono informiĝis, ke tiu internacia helpa lingvo estis uzata kun sukceso ĉe pluraj grandaj universalaj kongresoj, kie la ĉiulandaj parolantoj facile interkompreniĝis kaj la diskutoj okazis de la komenco ĝis la fino per unu sola kaj sama lingvo, stariganta plenan egalecon por ĉiuj.

La komisiono opiniis, ke la Kunsido ne povas eliri el la limoj de sia kompetenteco, kaj ke estus preferinde forlasi la duan paragrafon de la propono submetita al ĝia ekzamenado kaj transformi ĝin je simpla rekomendo al la ĝenerala sekretariaro, ke ĝi entreprenu enketon por informi la venontan Kunsidon pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako.

Jen la teksto de la deziresprimo, kiun la komisiono proponas ke vi voĉdonu per plimulto:

> La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan necesecon forigi tiun baron por helpi al bona kompreniĝado inter nacioj,
>
> sekvas kun intereso la provojn je oficiala instruado de la internacia lingvo Esperanto en la publikaj lernejoj de kelkaj regnoj, anoj de la Ligo de Nacioj,
>
> rekomendas, ke la ĝenerala Sekretariaro preparu por la venonta kunsido detalan raporton pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako."

### Lasta ĝenerala kunsido 18 decemb. 1920 je 16 h.

*S-ro Prezidanto.* — Laŭ la tagordo ni nun ekzamenu la konkludojn de la raporto de komisiono N-ro II pri la propono koncernanta Esperanton kaj pri la propono por organizado de la intelekta laborado.

*S-ro Lafontaine* (Raportanto). — La du proponoj, pri kiuj mi devas ankoraŭ raporti, ne estas fakte proponoj, sed simplaj petoj al la konsilantaro, ke ĝi preparigu raportojn por la venonta kunsido pri du problemoj ekzamenitaj de la Komisiono.

Ni ĉiuj konas la malfacilaĵojn pro multeco de la lingvoj kaj la klopodojn jam de longe entreprenitajn por atingi uzadon de komuna helpa lingvo. Tiu komuna lingvo havas jam hodiaŭ tutan historion kaj estas uzata en diversaj landoj. La subskribintoj de la propono jam indikis la landojn, kie la uzado de Esperanto atingis gravajn rezultatojn. Tiu rezolucio kunigas reprezentantojn de la diversaj kontinentoj.

La ideo de ĝiaj aŭtoroj ne celas peti tiun ĉi kunsidon, ke ĝi fariĝu akademio decidonta ĉu oni devas uzi tiun helpan lingvon. Ili nur petas, ke la demando estu senpartie ekzamenata, kaj ke raporto estu submetata al la venonta kunsido. Ĉu la granda problemo, antaŭ kiu troviĝas hodiaŭ la homaro, ne estas faciligi la diskutojn en tiaj kunvenoj kiel la nuna?

[1] Anstataŭita de S-ro S. Ĉeu Vej, kiu eĉ diris kelkajn vortojn en Esperanto. — (Red.)

Ni uzas du lingvojn kaj unu el ili estas komprenata de la granda plimulto el ni. Sed ne ĉiam estos tiel.

*S-ro Prezidanto.* — Tamen, S-ro Lafontaine, vi ne volas postuli, ke ni ĉiuj parolu Esperanton? (Ridoj.)

*S-ro Lafontaine* (raportanto). — Ne tio estas la afero, sed trovi rimedon por traduki en lingvon de ĉiuj kompreneblan la paroladojn pli malfrue farotajn ĉe la kunsidoj hispane, kiel jam estis petite, ruse aŭ eble ĉine. Tio estas la celo.

Ni ne petas decidon de vi, sed simple ekzamenon de la afero. La deziresprimo estas redaktita tiamaniere, ke ĝi povas ricevi vian plenan kaj unuaniman konsenton. Ĝi postulas de vi neniun principan deklaron aŭ aliĝon al definitiva rezolucio.

*S-ro Prezidanto.* — Traduko en Esperanto! (Ridoj.)

*La interpretisto ektradukas Esperante (aplaŭdoj).*

*S-ro Prezidanto.* — Sufiĉe! haltu, nun angle, mi petas!

*S-ro Hanotaux* (Franca). — Same kiel proponis Lord Robert Cecil pri la tiel interesa demando por unuigo de internacia leĝaro, la Franca Delegitaro petas la kunsidon ankaŭ voĉdoni la sendiskutan prokraston pri la internacia lingvo.

La lingva demando, kies solvo montriĝas tre malfacila, ne estas nun matura.

Kion oni proponas fakte? Lernigi novan lingvon. Oni ne povas diri, ke la uzado de Esperanto estas tiel disvastigata en la tuta mondo, ke oni faciligus la nunajn kondiĉojn de diskutoj aŭ komunikoj internaciaj se oni decidus enketon aŭ alprenus deziresprimon pri tiu tre speciala lingvo, kiun konas nur kelknombro da specialistoj kaj certe neniu popolo en la mondo.

Antaŭ kelkaj tagoj ni malakceptis kun bedaŭro la hispanan lingvon, kiun parolas granda kvanto da homoj. Ĉu hodiaŭ ni lernigos specialan lingvon, kies estontan universalecon aldisputas ankaŭ aliaj artefaritaj lingvoj de neniu konataj?

Tiaj studoj forprenus nin de nia celo, kaj mi sekve petas, ke ni ne ekkuru malprudente sur tiu vojo. Ĉiuokaze, permesu al membro de la Franca Akademio postuli antaŭ vi la honoron al lingvo, kiu havas sian historion, sian belecon, kiu estis uzata de tre grandaj verkistoj, kiu estas konata en la tuta mondo, kiu estis admirinda vastigilo de ideoj kaj kiu rajtas defendi sian postenon antaŭ la novaj kreaĵoj, kies eble nur malproksima estonteco vidos la progresojn. (Aplaŭdoj.)

*S-ro Prezidanto.* — Traduko angle! *Interpretisto tradukas.*

*S-ro Prezidanto.* — S-ro Hanotaux petas, ke ni voĉdonu pri sendiskuta prokrasto. S-roj, kiuj konsentas kun tio, bonvolu stariĝi!

*S-ro Hanotaux sole leviĝas.*

*S-ro Prezidanto.* — S-roj, Vi kredeble ne komprenis min *(ridoj)*, Vi aŭdis la proponon de S-ro Hanotaux, nome, ke ni prokrastu la tutan demandon. Bonvolu stariĝi se vi konsentas!

*Kelkaj delegitoj leviĝas kun S-ro Hanotaux (eble naŭ).*[1]

*S-ro Prezidanto.* — Nun bonvolu sidiĝi, kaj tiuj, kiuj kontraŭopinias bonvolu stariĝi!

*Kelkaj delegitoj leviĝas, interalie Lord Robert Cecil kaj la itala ĉefdelegito (eble ses).*

*S-ro Prezidanto.* — Mi deklaras la prokraston decidita. Ni nun ekdiskutu la lastan aferon de la tagordo.

***Noto de la Red.*: Pri tiu ĉi okazintaĵo aperis artikoloj aŭ depeŝoj en ĉiulandaj gazetoj, ofte kun granda utilo al nia propagando, interalie bonega respondo de S-ro de Saussure al S-ro Hanotaux en „Journal de Genève“. Ni petas, ke oni sendu al ni eltranĉaĵojn por analizo.**

[1] La rimarkoj presitaj italike estas niaj. — (Red.)

## Impreso ĝenerala pri la Ligo

Ni promesis al niaj legantoj plian artikolon pri la funda impreso ricevita de senpartia ĉeestinto je la unua kunsido de la Ligo. Fakte nenio en la lastaj tagoj de la kunsido venis ŝanĝi la sencon de tio, kion ni skribis jam en nia decembra numero. La ĉefa rezultato estis ja la starigo kaj ekfunkciado de la nova organizaĵo. Oni sentas, ke ĝia ekzisto mem iel devigas la registarojn pripensi al paco.

Sendube la grandaj potencoj ankoraŭ rezistas je leviĝo super iliaj kapoj de nova internacia povo. Sendube ili baraktis por reakiri en la fino de la kunsidaro la influon, kiun ili sentis iom perdita en la komenco, dronigite en la amaso de malgrandaj ŝtatoj, nature pli progresemaj. Al ilia kontraŭstaro oni ŝuldas la rifuzon de iu firma decido por limigo de l' armado, la neakcepton de la deviga juĝado per internacia tribunalo kaj la negativan respondon al aliĝpetoj de novaj ŝtatoj ĉe la Rusa landlimo, t. e. Estonio, Latvio, Litovio, Georgio, Armenio k. t. p.

Pri tiu lasta demando okazis fakto plej tipa, kiam la pola delegito, Paderewski, publike konfesis, ke volonte lia ŝtato estus voĉdoninta favore, sed ke ĝi devas sindeteni „ĉar ĝi scias, kion ĝi ŝuldas al siaj potencaj amikoj.“ Ankaŭ tre rimarkinda estis la konstanta sinteno de Italio, kiu ĉiam voĉdonis aparte de la ceteraj grandpotencoj kaj kun la plej progresemaj malgrandaj regnoj.

Inter la pozitivaj progresoj atingitaj ni citu almenaŭ tri ĝeneralajn: unue la ebleco por kuraĝaj individuoj (kiel ekzemple Lord Robert Cecil, D-ro Nansen aŭ S-ro Lafontaine) publike denunci kulpan aŭ sekretan diplomation en internacia parlamento antaŭ la tuta mondo kaj en la ĉeesto de la kulpuloj. Due, la videbla honto, kiu unuafoje en historio ekĝenas la grandpotencojn, kiam ilia sinteno montriĝas malprogresa. Trie, la paciga influo de sessemajna internacia kunvivado kaj amikiĝado, neforgesante la pozitivan influon de fortaj progresemaj karakteroj de kelkaj personoj.

Krom tio estis tre imprese aŭdi preskaŭ en ĉiu diskuto la voĉon iel minacantan de la tutmonda laborista popolamaso, kies urĝa dezirego al paco kaj timiga malpacienco aŭdiĝis en la fortaj avertoj de kelkaj viroj kiel ekzemple S-ro Barnes.

Kiam pri Armenio la gazetoj anoncis, ke la konferenco de l' grandpotencoj en Londono decidis malkonsili ĝian akcepton en la Ligo, tiam okazis ankaŭ neforgesebla momento. Fiere kaj sentime la delegito por Sudafriko (Lord Robert Cecil) deklaris per glaciaj vortoj, ke la kunsido rekonu nenian potencon super si kaj akceptu ordonojn de neniu ajn. Ĉies spiro haltis dum momento, tiel forta estis la impreso.

* * *

Krom tiuj impresoj tre ĝeneralaj kaj laŭ nia opinio plej gravaj, ni tamen ne preterlasu la kelkajn rezultatojn skribitajn en praktikaj decidoj.

*Internacia Tribunalo* estis decidita. La elekto de juĝistoj okazos en septembro. La devigo submetiĝi al ties juĝado ne estas trudata. Sed jam pluraj regnoj subskribis memvolan kontrakton akceptante tian devigon por si, interalie Nederlando kaj Svislando. *Albanio, Luksemburgo, Finnlando, Bulgario kaj Aŭstrio* estis akceptitaj kiel Liganoj. Rilate al la du lastaj, tio estas ja unua paŝo al repaciĝo inter venkintoj kaj venkitoj de la mondmilito. *Por limigo de l' armado* oni voĉdonis rekomendon kaj decidis enketon. Por *tuthomara defendo kontraŭ disvastiĝo de tifuso* oni kolektis grandan monsumon speciale uzotan en Orienteŭropo. La *kontrolon pri trafiko de opiumo* la Ligo prenis sur sin, ankaŭ la *gardon kontraŭ trafiko de virinoj kaj infanoj.*

Dank' al admirinda laboro de D-ro Nansen, la Ligo sukcesis *rehejmigi 100,000 kaptitojn el Ruslando kaj Azio.* Simile la kunsido sukcesis gajni la kunlaboron de Usono, Brazilio kaj Hispanio je *intermetiĝo por helpi Armenion.*

Al la kreitaj organizaĵoj por internacia financa kaj transita akordiĝo, la kunsido aldonis *tutmondan oficejon por higieno.*

Kiel oni vidas, la kunsido atingis pli efikajn rezultatojn ekster ol en la politika fako. Dume la konsilantaro kontraŭe konservas en siaj manoj la superan administradon de Saar kaj Dantzig, la protekton de lingvo-religiaj malplimultoj kaj la kontrolon pri koloniaj mandatoj super eks-germanaj posedaĵoj. Pri tiu ĉi lasta punkto Lord Robert Cecil kaj S-ro Lafontaine elokvente plendis en la kunsido, ke la konsilantaro rifuzis publikigi la tekston de siaj decidoj.

Entute la pliforta estas ankoraŭ la konsilantaro, ĉe kiu nun estas reprezentataj Brazilio (nuna prezido), Britio, Belgio, Ĉinio, Francio, Hispanio, Italio kaj Japanio. Al senpartia observanto la unua ĝeneva kunsido klare montris la vastajn mankojn de la nuna Ligo, ĉe kiu parolas individuoj, sed voĉdonas nur registaroj. Tamen se oni demandus tian observanton ĉu prefere daŭrigi aŭ ĉesigi la Ligon, li nepre devus respondi: daŭrigi kaj progresigi.

*Ĉeestinto.*

 SOCIA VIVO 

## Pri japana kulturo

(Letero el Tokio)

### *Pri la belaj artoj*

Mi enhavigas en la vortoj „belaj artoj" ĉefe literaturon, muzikon kaj pentrarton. Pri la literaturo: ĝi okupas gravan pozicion en nia kultura sociosfero, ĉar la sentemaj personoj, nekontentige pri la politika tendenco alkuris al la nacia kaj fremda literaturo por tie serĉi la neelĉerpeblan pensfonton.

Ĉe nia nuna literaturo prezentiĝas la interesa scenejo, sur kiu ni vidas disvolviĝi diversajn flankojn de nia nacia spiritsuferado. Je la zorgema okulvido, moderna Japanio similas al la enverŝejo de multspecaj fluaĵoj rilate al la homa pensmaniero. Delikatnuance spegulas sin en niaj literaturaj verkoj japana socia vivo; aliflanke, la mirinda literaturo de Rusio nekontraŭstare allogis lastatempe junajn japanojn, pensigante ilin je la vera, profunda senco de homvivo. Ĝistiame senkondiĉe admiris la japanoj la naivan, klasikan literaturon de Anglio; tamen nun la supera traktado pri la socia justeco, elmontrita per la angla literaturo ne havas la econ kontentigi niajn pensulojn, soifantajn le la horizontlarĝa vivo. Lastdekjare publikiĝis sennombraj literaturverkoj plenaj je tute legindaj aferoj, eĉ se ili sin trovas iom makulitaj per alilandmaniera imiteco. Tamen tiuj verkoj posedas sian ŝatindan kvaliton, kies karakterizo kuŝas en tio, ke oni verkis laŭ la eŭropa pensmaniero, uzante tamen pure japanan materialon kiel la enhavo.

„La bonzo kaj lia disciplo" verkita de sinjoro Kurata, klarigas bone tian tendencon; krom en la sfero de pura literaturo, oni publikigis kelkajn netakseblajn studojn pri la japana kulturhistorio, observitaj per la literatura vidpunkto.

Estas samtempe tre notinde, ke kelkaj ambiciaj verkistoj jam tuŝis la laborproblemon. Mallonge, pri la nacia literaturo Japanio havas ion fieran.

Pri la muzikarto, Japanio sin montras tre mizere kompare kun alilandoj progresintaj, delonge estas konsiderita la muziko kiel porinfana amuzaĵo kaj ofte kiel eĉ nenecesaĵo. Do, sekrete kreskis la malestimita muzikarto ĉe la ombreca kvartalo de prostitulinoj, neeviteble do estis ke japana muzikstilo sin trovas tre simpla sen la harmonia elemento. Sed depost kiam la eŭropa kulturo alvenis tien ĉi, la muzikarto feliĉe restariĝis sur ties propra loko dank'al rimarkinda altiĝo je la nacia kulturgusto.

La konservatorio en Tokio jam liveris al japana socio sufiĉe multnombran muzikistaron, spertan je fremda muzikarto, kaj ili fervore disvastigis la koncernan konon inter gejunuloj, sentemaj al la plej altgrada belarto. Do la alilanda muzikarto sukcesos iom post iom alklimatigi sin eĉ ĉe nia seka lando.

Pro la internacia hombuĉado, ne malmultaj muzikartistoj alveturis Japanion por savi sendanĝere sin, kaj senmezure ekscitis japanojn per ilia genieca muzikludado.

Speciale kelkaj rusoj lasis al ni neforgeseblan impreson pri tio.

Tia okazintaĵo puŝis kaj ŝovis japanojn pli antaŭen pri la muzikstudado; tre interesan provon entreprenis kelkaj eminentuloj per lertega almeto de moderna muzikharmonio al japanaj popolkantoj, por ke ili povu ekkrei pure japanan muzikaĵon.

Inter tiaj personoj sin trovas sinjoro Janada kaj sinjoro Jamadad, kies nomoj estas nun monde konataj.

Per tiu ĉi celo, oni jam kelkfoje organizis specialajn koncertojn, sed ni devas eble atendi sufiĉe da tempo, antaŭ ol ni vidos vicigi sin tiun ĉi japanan belarton kun tiu de la Eŭroplandoj.

Oni scias bone, ke Japanio estas almenaŭ unu el la plej konataj landoj pri la pentrarto. Tielnomatan „Ukijoc" francoj jam tre avide alprenis kiel la modelon de dubeluma nuanco kaj fleksebleqaj korplinioj.

Ĝenerale la japanoj havas bonan komprenon al la pentrarto.

La delikatkoloraj vestaĵoj por la japanaj virinoj senparole aludas la ŝatindan popolguston, la pentrarto estas do alte ŝatita ĉe la japana hejmo kaj floriĝis kiel la virina altgusto en altrangaj familioj, dum oni malestime ignoris la muzikarton. Depost preskaŭ dek jaroj, la japana registaro prenis sur sin la devon ĉiujare okazigi la oficialan pentrartekspozicion pere de la ministrejo por la popolklerigo. La ekspozicio rigardiĝas kiel la ŝtuparo, per kiu la ambiciaj pentristoj suprenirus al la stelo de la bona reputacio.

Ĉe la ekspozicio laŭvice prezentiĝas japanaj kaj fremdaj pentraĵoj, ambaŭ same traktitaj. Sed la fremdpentraĵa fako iĝis tre rimarkinda pro kelkaj artistoj revenintaj el Francio, vera lulilo de belaj artoj, kaj tiu ĉi fakto ekscitis la pentristojn, okupatajn je la purjapanaj pentraĵoj pri la nova inklino, kiu sin trovas en la aplikado de oleopentra tuŝo kaj kolorilo al japanaj artaĵoj.

Antaŭlastan jaron (1919-an) fondiĝis la Imperia Pentrarta Akademio, kies ĉefo estas la fama aŭtoro, Doktoro Mori. La Akademio anstataŭis la ministrejon pri la suprecitita grava rolo.

Tamen aliflanke ekzistas radikalemaj artistoj, kiuj ne kontentiĝas pri la konservema inklino je la oficiale protektita pentrarto, kaj ili fondis diversajn artsocietojn, por ke ili povu senĝene disvolvigi sian naturan talenton kiel eble plej libere; Nikakai kaj Kokuten estas ties ekzemploj.

*Fu-ĥei-ĵi.*

---

*La ordinaraj homoj laboras por vivi; la grandaj homoj, kiuj postlasas verkaron, vivas por labori.*

Charles Baudouin.

# Viro katenita

de André Salmon

André Salmon, verkisto, poeto, kaj artkritikisto naskiĝis en Paris en 1881. El liaj verkoj oni eltiris la spritajn elementojn de la „Fantazia Skolo“.

Mi estis forlasonta la peronon de la stacidomo Saint-Lazare tra la ŝtuparo de rue de Rome. La trompa rememoro igis min, eĉ en la karba nebulo, spiri la freŝan kaj ekscitan odoron de la falĉitaj herboj. Subite moviĝanta homamaseto ekvekis mian nekuraceblan profesian scivolemon.

Mi vidis aron da viroj kaj virinoj, post' restintaj vojaĝantoj kiel mi, oficistoj okupataj pri la foriro de la trajnoj, pakaĵportistoj kaj vagonbalaistoj, du Tirolaj elmigrintoj, unu aŭ du stratvendistoj kaj kelkaj poŝŝtelistoj. Tio formis kvazaŭ monstron, kiu moviĝante, kvazaŭ per sinsekvaj saltadoj ĉiam plidikiĝis kaj enkorpigante min, kuntrenis min al la perono N-ro 19.

Tie per kubutpuŝoj mi liberigis min el la anonima membraro kaj fariĝis la kapo de la monstra amaso, aŭ pliverdire mi anstataŭis ĝian trioblan kapon ĵus amputitan de ĝi.

La triobla kapo? Ĝi estis du ĝendarmoj kaj unu malliberulo. Mi admiris la du ĝendarmojn pro la perfekteco de iliaj tipoj. Tiuj ĉi kruduloj aspektis tre karakterize: ŝajnis ke ilia animo estis solbloko brila, trapika kaj reflekta dumage sed sendanĝera kaj neutila alitempe simile je la bajonetspadoj kiujn ili portis ĉeflanke: uzataj laŭinstrukcie tiuj ĉi armiloj trafe mortigas, kvankam infano povas plenmane ĉirkaŭpremi ilin, ne riskante esti vundita, ĉar ili ne havas eĉ solan angulon akrigitan.

Tiuj ĝendarmoj portis la insignojn de la jaro 1913. Ili havis nek refalditajn botojn nek kornitajn ĉapelojn nek vangharojn kiel la ĝendarmoj enkadrigantaj S-ron Madeleine refariĝante Jean Valjean. La laŭimperiaj lipharoj vaksumitaj de la ĝendarmoj de Germinal aŭ tiuj sur la bildo „La Striko“ de la pentristo Roll, ankaŭ mankis al ili.

Ili estis du eks-kolonisoldatoj ankoraŭ junaj. Unu surhavis la medalon de Ĉinia, la alia tiu de Maroka ekspedicio. Ili estis konintaj la tendarojn kaj kazernojn, iafoje herooj, alifoje embuskitoj. Ili daŭrigis portante maldekstre la revolveringon kaj la bajonetspadon kaj dekstre paperujon plena je dokumentoj belskribitaj per ilia bela skribo de estintaj furieroj. El la ekstera poŝo de la ŝnurgalona vesto de unu elstaris kvitancita fakturo. Tiu ĉi ĝendarmo estis sendube bona patro kaj bona edzo. Estis ĉi tiu, kiu kunŝraubis pli streĉe la mankatenojn de la kaptito antaŭ suprenpuŝi lin en la karcervagonon.

La alia havis vizaĝon markitan per sabrobato, kiu lasis profundan ruĝaĉan cikatron. Li diris al la malliberulo:

— Ĉu mi ne premas vin tro?

La publiko rigardis scivoleme, timege la enkatenigitan viron, ĝi estis ja la homo ekster la honestularo, la homo, kiun oni ne povis plu konsideri kun simpatio, kun kompato, ne riskante esti suspektata je kunkrimeco.

Tiu ĉi homamaso perdis la religisenton ebligantan bonvole konsideri sin kunkulpa je la krimoj de la kondamnito; nur tia kompato estas efika.

Mi rememoris pri malliberuloj observitaj sur aliaj vojoj; mi rememoris pri la homoj kurintaj renkonten al ili kaj la komparo ne certe estis avantaĝa je miaj samlandanoj.

La rusa ĝendarmaro ne ŝparas al la malliberuloj la torturojn de la elmontrado. Ĝi kondukigas ilin de la karcero al la tribunalo, de la tribunalo al la punlaborejo, de la punlaborejo al la ekzekuto piede, inter du soldatoj, kun sabro nudigita.

Sed la rusa kristano en la silento de la stratoj neĝkovritaj, aŭdas el plej malproksime la malgajegan sonadon de la katenoj ĉe la pugnoj de ŝtelisto, de murdisto, de monfalsisto kaj de vagulo. Ĉiu ekkuregas kaj por la punato de homaj leĝoj oni ĉiam trovas nigran panon, viandhakitaĵon, haringon aŭ verdan kukumon, vodkon, aŭ novajn kopekojn brilantajn kiel oraj rubloj.

La krimulo estas pagonta la komunan ŝuldon. La sufero pro lia krimo elaĉetas parton de la nepunitaj krimoj, kiujn ni ĉiutage faras.

Tio estas idealo de senlernejaj muĵikoj, pri kiu ruĝiĝus la instruita burĝaro kaj la konscia proletariaro de Francio.

Belokula junulino diris:

— Li estas la granda „Georges de la Popinche“, la frato de „Milot le Balancé“; oni kaptis lin hieraŭ pro la ŝtelo el la poŝtoficejo de Evreux. Bela knabo li tamen estas!

Metilernanto ekkantetis:

„La bela Neneso lasis sin kapti“.

„Dudek jarojn da punlaboro li nun havas!“

— Ci estas stultulo, daŭrigis la junulino kun emociaj okuloj, li nomiĝas „la granda Georges“ mi diras al ci. Atendu nur, li ne ankoraŭ havas siajn dudek jarojn da punlaboro!

La granda „Georges de la Popinche“ la frato de „Milot le Balancé“ efektive pensigis pri la bela Neneso de la kanajla kanto.

Li estis vere la ruza junulo, kiu konas la arton vivi feliĉe neniel laborante.

Belega atleto, kvazaŭ muldita en sia kostumo el angla drapo, piedvestita per mirigaj amerikaj botoj tiom multekostaj, ke necesas malplenigi almenaŭ du sinjorinajn saketojn por pagi ilin — la granda Georges, klinis el sia senkoluma, rozkolora ĉemizo, kolon de luktisto. Tiu ĉi kolo subtenis rabobirdan kapon kronitan per avelkolora rondĉapelo.

Li sentis nur malŝaton rilate al tiu miksamaso, kiu tenis sin proksime de li nenion riskante. Inter ĉiuj li rekonis neerareble la molanimulojn, al kiuj oni povus fari ruzan proponon; la ebriulon kies salajron li forrabus sabate, la junan laboriston, kiun li varbus per trafaj paroloj en la armeojn de la ŝtelistoj, kiujn li estris.

La granda Georges ankaŭ sciis kiel facile estus al li submeti je lia leĝo la belokulan knabinon.

Li fumis cigaredon el luksa tabako. Iafoje li fermis okulon incitita per la blua fumo larmiga. Li ne povis elpreni la cigaredon el sia buŝo kaj remeti ĝin poste, car la ĝendarmoj antaŭ la envagonigo estis ligintaj liajn manojn surdorse, liajn fortikajn manojn de decidema strangolisto, liajn lertmovajn manojn de subtila fripono.

La granda Georges rigardis la popolamason prezentante sian torson ĉe la porda fenestro kies vitro estis mallevita, la ĝendarmoj ne ankoraŭ tiris lin per lia kateno por lin enkaĝigi.

La fumo tiom incitis lin, ke malgraŭvole li elkraĉis sian cigaredon.

Li fikse rigardadis ĝin kuŝantan sur la perono, ankoraŭ brulanta.

Apenaŭ konsumita, ĝi reprezentis iom da delikata plezuro — estis luksa cigaredo — iom da perdita libereco.

La granda Georges diris mallaŭte: — Hea!

Samtempe per komanda kapmovo li ŝajnis ordoni, ke oni levu lian grandvaloran cigaredon. Poste liaj okuloj almozpetis la perditan posedaĵon. — Kia aplombo! mokaĉis mia najbaro, ni devus esti servistoj de tia sentaŭgulo!

La aliaj rikanis. La katenitulo ĵetis al ili teruran rigardon.

Mi senhonte konfesas, ke ne nur mi kompatis la kateniton, sed, ke mi eĉ timis lian juĝon. Vere mi hontis meriti lian malamon kaj malŝaton kvazaŭ mi estus samspeca kun la vulgaraj estaĵoj, kiuj konsistigis tiun ĉi homamason.

Mi memoris pri brune lanvestitaj malliberuloj pene marŝantaj sur la rusa neĝo inter du dikvangaj rekrutoj. Mi ankaŭ estis doninta al ili mian almozon: tabakon, kopekojn, alkoholon; la soldatoj estis same ricevintaj tion.

Mi malfermis mian cigaredujon, mi forpuŝis miajn najbarojn kaj altstariginte min sur la piedpintoj, mi etendis ĝin al la bandito.

Ĉiuj okuloj fiksis min, mirfrapitaj.

Sed la malespera mieno de la katenitulo vidigis mian mankon de pripenso.

Liaj manoj estis ligitaj!

Ho, se vi vidus la ĝojon, la admirplenan miron sur tiu ĉi malliberula vizaĝo, kiam la granda Georges vidis, ke mi mem ekbruligis la cigaredon kaj ŝovis ĝin inter liaj lipoj!

Li ne dankis min, sed faris belan rideton de sincera kunulo — rideto, kiu, mi tion ĵuras al vi, valoris la benon de orfo aŭ de senkulpa vagulo.

Oni forflankiĝis de mi. La vagonaro ekmoviĝis; la ĝendarmoj enpuŝis en lian rulantan karceron la grandan Georges, kondamnita al punlaboro.

Mi atentege okulsekvis la ekflugon de mallarĝa spiralo el blua kaj odora fumo. Ĝi estis fumo de multekosta cigaredo, ĝuata dum dolĉa neniofarado, kiun la mizerulo ne plu konos.

Kuraĝigita de kelkaj seninduloj vestitaj kiel honorindaj civitanoj, la belokula knabino pretiĝis insulti min. Oni murmuris:

— Liaj flavaj gantoj ne pruvas, ke li ne povus esti de la sama bando. Kia abomeno vidi tion!

Subite, lertmova junulo sufiĉe simila al granda Georges, sed pli aĝa alpaŝis al mi kaj diris kun konfidencia tono:

— Mi ne havis tempon levi la cigaredon por la kamarado, sed mi dankas cin en l'a nomo. Ĉu ci konas lin?

Li ekrigardis min rekte en la vizaĝon kaj diris:

— Ŝajnas, ke mi eraras. Senkulpigu se vi ne estas lia amiko. Do vi faris tion nur bonkore? Vere mi pensis, ke vi estas unu..., fine vi komprenas.... Se vi ne estas lia amiko, vi estas vera sociano. Diru do, ĉar vi ne timas kaj havas alian kuraĝon ol tiu ĉi bando da bovinoj, ĉu vi volas fari al mi la honoron akcepti trinki ion je la sano de Georges? Mi surhavas kolumon, ni povas iri en kafejon, tio ne tro kompromitos vin!

Trad.: *Renaud Richez.*
(Kun permeso de l' aŭtoro.)

# Ujo, Arbo, Lando

Gramatika romanco de **René Deshays**

*Ho, ujo, ujo! bona vorto,*
*Profunda, plena, grasa, fuma!*
*Supujo kun la larĝa ventro,*
*Teujo kun odoro ĉarma!*
*En kuirejo paŝadante*
*Mi multajn ujojn admiregas!:*
*Jen kestoj, potoj, kaseroloj;*
*Kaj el la kor' elflugas krio:*
*ujo, ujo! uj!*

*Ho arbo, arbo! bela nomo,*
*Fortika, vibra, mola tamen!*
*Pomarbo kun printempaj floroj,*
*Oranĝarbaroj la italaj!*
*Mi vin ne miksos, arbo, ujo.*
*Ho, vinfaranto, kio estas*
*La vinberujo — Peza korbo.*
*Kaj vinberarbo? — Ĝojkreskaĵo!*
*ujo, ujo, uj!*

*Ho dolĉa diro, lando, lando!*
*Germana? ne: nun, Esperanta.*
*Ho Grekolando, lunaj bordoj!*
*Ho franca mia patrolando!*
*Patrujo, kio do ĝi estas?*
*Patrujo estas kaldronego*
*En kiu foje sovaĝuloj*
*Kuiras, tri, kvar maljunulojn*
*Ujo, ujo, uj!*
*Land', arb', uj'!*

(El „*Lingvo internacia*", junio 1906).

# Rezigno

*Kial naskiĝis vi poste de mi*
*Tiom, ho tiom da jaroj?*
*Ili fariĝos neniam malpli,*
*Restas eternaj baroj*

*Ĉion kio disigus nin*
*Venkus mi: ĉu malriĉecon,*
*Ĉu distancegon; eĉ... se vi ne fidus min;*
*Tamen ne: vian junecon...*

*...Etino mia, mi dankos ja Dion*
*Se nur la sorto permesos*
*Vidi vin foje; sen diri eĉ ion*
*Neniam vin ami mi ĉesos!*

*Erinaco.*

## LIBERAJ PENSOJ

# Al la Studento

*Esti studento ne nur estas ripozo post la studoj, sed komenco de novaj studoj, komenco de nova vivstadio, kaj spirite kaj praktike.*

*La homa vivo ne devas balanci kun la vento, sed esti gvidata de la penso. La memstara pensado estas io el la plej grava en la vivo. Sed ĝi postulas laboron, eble ankaŭ animan revolucion, pensi — ne kiel niaj parencoj, niaj gazetoj, niaj politikaj parti-gvidantoj pensas — sed pensi memstare. Pensi tiel kiel ni lernis pensi, tiel kiel aliaj homoj tion faras, tiel kiel la estinteco ĝis nun tion faris, estas sufiĉe facile, sed ne estos sufiĉe da vivo.*

*Se la vivo devas progresi, novaj pensoj estos pensataj, kiuj eble denove alkondukos etikan revalorigon de la objektoj ĉirkaŭ ni. En la politika vivo estis hieraŭ eble la konservatismo nia idealo, hodiaŭ la sindikalismo aŭ la socialismo (post kiam ni studis ĉi-tiujn laboristajn movadojn). Hieraŭ: patriotismo, hodiaŭ la internacia amo al ĉiuj popoloj sen politikaj landlimoj. Hieraŭ: la penso, ke nur devigantaj leĝoj, potenco, perforto, puno povas forigi kaj limigi la krimojn, hodiaŭ: la penso, ke nur bona, bonvola simpatio, kompreno, fizika kaj spirita helpo povas venki la malbonon. Hieraŭ: klerikalismo (ekleziaj ceremoni-instruo), hodiaŭ kristaneco en tiu senco, en kiu la unuaj kristanoj komprenis ĝin (legu ekz. Tolstoj: Laboru dum ni havas la lumon). Hieraŭ: malfido pri forigo de milito kaj malriĉeco, hodiaŭ: fido pri tio kaj kun ĝi instigo al laboro por ĝi.*

*Tiela etika revalorigo povas esti la frukto de memstara pensado kaj la spertoj de l' vivo. Kaj ĉi-tiu spirita memstareco devas esti konservata dum la tuta vivo.*

*Studento ne devas sen koni ĝin forŝovi de sia atento ion novan aŭ de la mondo ĝis nun herezatan, sed kontraŭe ankaŭ studi herezatajn opiniojn.*

*Kelkaj el tiuj pensoj, pri kiuj ni deziras konigi al vi, studentoj, estas eble al vi jam ne tute novaj kaj nekutimaj. Sed ni esperas, ke vi volas pripensi ilin, kaj eble helpi nin trovi aŭskulton je ili en mondo, kie la homa internacia amsento tiel multe estas ĵetita en la polvon.*

*En la batalo kontraŭ ĉiu speco da milito kaj militarismo ni bezonas vian apogon kaj agitadon inter viaj kamaradoj.*

*E. Dehor*, Kopenhago



# ESPERANTISMO



## XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO Aŭgusto 1921 EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

*Tria kaj kvara Komuniko*

**Dato.** — La Kongreso okazos de la 31 julio ĝis la 6 aŭgusto 1921.

*Kongresejo.* Solena malferma kunsido okazos en la „Smetana“ halo de la Reprezentanta domo, laboraj kongreskunsidoj kaj akcepto en la kazino sur insulo „Zofin“.

**Fakaj kunvenoj.** — Jenaj estas aranĝotaj de sekvantaj samideanoj: *Katolikoj* (S-ro Zelenka); Kristanoj (S-ro Tutsch); *Vegetaranoj* (S-ro Tutsch); *Hebreaj nacianoj* (S-ro Heller); *Sportistoj* (S-ro Pedrazzini, Locarno); *Komercistoj* (D-ro Unger, red. de Int. Komerca Revuo, Poŝtfako 6104, Zürich); *Psikistoj* (S-ro Sklenĉka, Hradec Králové); *anoj de malgrandaj nacioj* (prof. Fridrich, Prostějov); *Framasonoj* (S-ro Faulhaber, Borgerstr. 103, Amsterdam). *Blinduloj* (Prof. Cart); *Liberiga Stelo.*

**Aliĝoj.** — Necesaj precizaj informoj pri la kotizaĵo kaj maniero sendi ĝin estos baldaŭ komunikotaj. Aliĝis: 9. S-ro Kronenberg, Bydgoszez; 10. S-ro Taubmann, Haida; 11. S-ro Bruijn, Haag; 12. F-ino Flourens, Beziers; 13. S-ro Toorens, Haag; 14. Generalo Sebert; 15. S-ino Sebert; 16. F-ino Sebert; 17. F-ino Royer; 18. S-ro Chavet; 19. S-ino Cense; 20. F-ino Gérard, Paris; 21. S-ro Sevenhuysen; 22. F-ino Sevenhuysen, Haarlem; 23. S-ro Tarnow, Kiel; 24. S-ro Neužil; 25. S-ino Neužilová, Neředin; 26. S-ro v. Heek, Hengelo; 27. D-ro Möbusz, Lübeck; 28. S-ro v. Tinteren, Amsterdam 29. S-ino Heller; 30. S-ro Heller, Litoměřice. 31. S-ro Teo Jung, Horrem. 32. S-ro Oberrotman, Warszawa; 33. S-ro Deubler, München; 34. S-ro Kobiela, Karvin; 35. F-ino Kubièková; 36. S-ro Procházka, Odrlice; 37. S-ro Bramkamp; 38. S-ino Bramkamp, Scheveningen; 39. F-ino Jakobs, Flensburg; 40. S-ro Arabeno, Genova; 41. S-ino Sabev; 42. S-ro Sabev-Stolat; 43. S-ro Ludvik, Přerav; 44. S-ro Johne, Potschappel; 45. S-ro Loy; 46. S-ino Loy, Kronach; 47. S-ro Loveček, Holešov; 48. S-ro Masty; 49. S-ino Mastná, Olomouc; 50. H. Baranek, Karvin; 51. S-ro J. Baranek, Karvin; 52. S-ro Tlolka, Orlová; 53. S-ro D-ro Unger, Zürich; 54. S-ro Wilbert, Köln; 55. S-ro Zapater; 56. S-ino Zapater, Köln; 57. F-ino Jedrzejewska; 58. S-ro Becher, Bydgaszez.

**Garantia Fundo.** — Enskriboj po 100 ĉeĥoslovakaj kronoj. La garantiantoj pagos laŭproporcie nur se post la kongreso pruviĝus, ke la kongresaj elspezoj superus la enspezojn. Samideanoj el landoj kun bona valuto aliĝu!

**Donacoj.** — S-ro v. Heek 30 ned. guldenoj; gekursanoj de F-ino Janaliková, Bystřice 120 Kr.; Esp. Klubo, Praha 111 Kr.; Esperantské sdruženi (S-ro Hromada) 100 Kr.; Rondetoj de Esp-inoj 75 Kr.; S-ro Paŝa, Muglinov 20 Kr.; S-ro Pilař, M. Ostrava; S-ro Novák; S-ro Budinský, F-ino Meisnerová el Poděbrady po 10 Kr.; Junularo de E. K. en Praha 2 Kr. 10; Kursanoj de S-ro D-ro Fousek el Přelouč 57 Kr.

**Depono de mono en Praha.** — Kongresanoj intencantaj deponi monon sendu ĝin pere de iu ajn banko al la *Banko „Bohemia“* en Praha por la konto de la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto, en ĉeĥoslovaka valoro. La Kongresa monŝanĝejo elpagos ĝin al vi (laŭ la kurzo de la tago de monakcepto) kun procentoj. Pri la monsendo informu samtempe la ĝen. sekr. de la loka K. K.

**Vojaĝaferojn**, biletojn, transporton de valizoj, informojn ĉiurilatajn prizorgas „Čs. Čestovní a dopravní kancelař“, Milenlandska 7, Praha II. Ĝi estas vojaĝoficejo oficiala.

**Adreso** por nur pri Kongresaj korespondaĵoj kaj oficialaj aliĝoj: S-ro A. Pitlik, ĝenerala sekretario de L.K.K., Nerudova 40. Praha III (aldoni respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn por la respondo).

---

## KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri gravaj faktoj. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko“ al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. Ni ne povas raporti pri tio, kion oni ne konigas al ni.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

### Belgio.

***Brugge*:** Kurso kun 30 p., gvidata de S-ro Dervaux. Parolado de F-ino Y. Thooris, 50 p.

### Britio.

***Liverpool*:** Paroladoj de S-roj Holmes kaj Lewis. Nova kurso en Birkenhead. Zamenhofa festo okazis la 13 decembro.

### Bulgario.

***Batak*:** S-ro P. Toŝkov propagandas. — ***Deovlen*:** Multaj ŝtatoficistoj (ĉiuj komunistoj) lernas la lingvon. Grupo fondota. Adreso: Aleks. Kostov, bankoficisto. — ***Peŝtera*:** Grupo fondiĝis. Sekr.: Leonid Morĝanov, komercisto. — ***Pirdop*:** Fondiĝis lernanta grupo. — ***Sofia*:** La ministrejo de Popola Instruado donis la permeson al ĉiuj lernantoj kaj instruistoj en la popollernejoj fondi Esp. grupojn kaj kursojn. — ***Ŝumen*:** Manskriba rondira gazeto aperis sub redaktoreco de S-roj J. Silvestriev kaj K. Jankov. — ***Varna*:** Kurso de 50 p. gvidata de S-ro M. Milĉev.

### Ĉeĥoslovakio.

***Brno*:** Kurson en Komerca Akademio gvidis S-ro Medek. Nun li gvidas kurson en gimnazio. — ***Brüx*:** Dua kurso de S-ro Prof. Murath kun 35 p. — ***Bystrice*** p. Hostynem: Kun permeso de la ministerio F-ino Janalíková instruas en burĝa knaba lernejo en la IIa—IVa kl. kaj en la Va (lasta) kl. de la elementa l. — ***Dauba*:** Fondiĝis Esp.-rondeto. S-ro Streer gvidas kurson kun 14 p. — ***Dux*:** S-ro Prof. Murath propagandis kaj komencis kurson kun 32 p. — ***Grottau*:** S-ro Appelt sukcese propagandis kaj malfermis kurson por komencantoj kun 30 p. — ***Karlovy Vary*:** Oni aranĝis kurson por ĉeĥaj samideanoj gvidatan per S-ro V. Němec. 20 p. — ***Königinhof*:** Post du mallongaj paroladoj pri Esp. komenciĝis kurso kun 16 p. Kunveno: Ĉiuvendrede en la „Germana Domo“. Instruas F-ino Přihoda. — ***Krochwitz*:** S-ro Klinger, el Tetschen, faris propagandon por Esp. kaj malfermis kurson por komencantoj kun 22 p. — ***Leitmeritz*:** La 5 decembro okazis estrarkunveno de la „Ligo de germanaj Esp.-grupoj en Ĉeĥoslovakio“. S-ro kom. Pitlík, estrarano de la Ĉ. A. E., partoprenis kaj raportis pri la laboroj faritaj kaj farotaj por la XIIIa. Oni interkonsentis, ke la germana ligo preparu la postkongresan vojaĝon al la famekonataj nordbohemaj banlokoj. — ***Praha*:** Kurson por komencantoj kaj progresintoj gvidas S-ro Hromada. Kurson por 23 l. de la burĝa lernejo gvidas instr. F-ino Silbersteckenová. Esp. klubo kunvenas regule ĉiun vendredon. Per helpo de ĝiaj m. kaj de m. de Esp. Rondeto kaj Verda Stelo la financa sekcio de Loka organiza komitato aranĝis 19 novembro teatran prezentaton kun profito 2600 K. č. por bono de la kongresa kaso. Alia prezentado estas preparata. La junularo de la Klubo helpas la financan sekciestron, S-ro Hromada. La 6 decembro ili aranĝis amuzan vesperon, el kiu rezultis 1000 K. č. por la kongresa kaso. La 12 novembro S-ro Hebký reveninta kiel soldato el Siberio rakontis pri la Esp.-movado en la ĉeĥoslovaka armeo en Siberio. S-ro Pitlík parolis okaze de la jubileo de granda pedagogo Jan Amos Komenský pri liaj opinioj pri la L. I. — ***Tetschen-Bodenbach*:** La 11 novembro S-ro Prof. Murath faris propagandan paroladon kun bona sukceso. Komenciĝis kurso en Bodenbach.

## Estonio.

*Haapsalu*: La 7 novembro en halo de l' gimnazio S-ro H. Sakarias, el Tallinn, legis nacilingvan referaton „Kiel utiligas al ni internacia helplingvo Esp.". Samtempe en la halo okazis la ekspozicio de l' Esperanta literaturo. 15 p. partoprenas nun kurson gvidatan de J. Grünthal. Ankaŭ dum 16 tagoj daŭradis la fenestrekspozicio de Esp. libroj kaj gazetoj ĉe unu el la lokaj librovendejoj. La tuta fenestro estis plenigita per 28 ekzempleroj.

## Finnlando.

*Karkku*: Esp. estas instruata ĉe Evangelia popolaltlernejo por 45 p. — *Laihia*: Okazas tri kursoj por ĉ. 25 p. Komuna vesperfesto 20 novembro. — *Sortavala*: Esp. societo komencis kurson kun 100 p. Instruantoj: lektoro Hämäläinen kaj magistro Tählinen. — Laboristaj institutoj en Oulu, Vaasa, Rauma kaj Kotka enkondukis Esp. Intereso por Esp. grandege pliviglîĝis en Finnlando dum aŭtuno.

## Francio.

*Béziers*: Du kursoj. Artikoloj en 7 regionaj gazetoj. — *Grenoble*: Kurso de S-ro Ledoux. — *Marseille*: Ekspozicio organizita de F-ino Dalfin kaj S-ro Torras. — *Paris*: En N-ro de 9 kaj 29 novembro de gazeto Esp. por rusaj soldatoj „Luĉ" aperis alvokoj al Esp-emaj soldatoj. Responde 35 rusaj soldatoj aŭ ekssoldatoj el Francio, Belgio, Egiptio, Maroko (Fremda Legio), Alĝerio kaj Germanio, petis lernolibrojn, kiuj estis senditaj al ili ĉiuj de la Centra Oficejo, kiu sendis ankaŭ librojn al la kleriga komitato por rusaj soldatoj en Parizo. La grupo de Alger organizis ses kursojn, inter kiuj unu en la labora borso kaj alia konversacia por la membroj. En la novembra N-ro de la bulteno de instruista unuiĝo de la departemento de Isère (Grenoble) nia fervora sam-ano, S-ro Caillet, profesoro en la kolegio de La Mure presigis priesp. kronikon. La Pariza Esp. grupo kunvenas ĉiusemajne en la Sorbonne, kie okazas interesaj paroladoj. La 5 novembro S-ro Menil, mara inĝeniero kaj profesoro de la hidrografia lernejo en Le Havre, parolis en Esp. pri la sciencaj aplikoj en la marino dum la milito. La 19 nov. Prof. Cart parolis pri blinduloj kaj pri la libro de Privat: „Vivo de Zamenhof". La 17 decembro S-ro Archdeacon pri la neegaleco antaŭ la morto (teorio de Ĝeneva Prof. Hersch). La 22 oktobro okazis en la soc. de urbaj sub-inĝenieroj priesp. parolado de S-ro Archdeacon. En „Ecole Emancipée" aperas artikoloj pri Esp. 10 kursoj en socialistaj aŭ sindikataj medioj. — *Sotteville-les-Rouen*: Kurso de S-ro M. Raulin. — *St-Claude* (Jura): En „l'Ouvrier diamantaire" aperis artikolo instiganta la diamantfacetistojn lerni Esp. — *St-Maur-des-Fossés* (Seine): Granda propaganda festo okazos la 30 januaro je la 14a, salle Sautet. La najbaraj legantoj ĉeestu! — *St-Omer*: Konkurso okazos inter la lernantoj de Esp. kurso. La unua premio estos senpaga vojaĝo kaj restado dum unu semajno ĉe la 13a Kongreso. Imitinda iniciato. — *Strasbourg*: Parolado de S-ro Hubert Ferez, instruisto. Grupo restarigota. — *Troyes*: Kurso aranĝita de la sindikata Unuiĝo okazas ĉiusabate en la urbodomo, 25 p. Grupo de „Liberiga Stelo" fondiĝis.

## Germanio.

*Hamburg*: En Esp.-Societo de Gross-Hamburg la 9 septembro S-ro Bünemann faris Esp. paroladon antaŭ la societanoj kaj multaj gastoj pri „Travivaĵoj dum la Internacia Esp. kongreso en Haag". La 2 decembro S-ro instruisto Kraus tre interese paroladis pri la temo „De kie la nova vivo en la lernejoj venas", kio sekvigis vivplenan diskuton. Oni decidis, ke depost la 1 januaro 1921 la Societo ludu nur la rolon de la antaŭmilita „Ortsverband" (Loka grupаro), kaj ke oni laŭeble revivigu la antaŭmilitajn grupojn en Hamburg („Unua grupo", „Progreso", „Verda stelo" kaj „Esp. Klubo"), kies anoj restintaj post la milito dum 1920 provizore kuniĝis per la Societo. La 4 novembro S-ro D-ro Wohlstadt propagande parolis en la loka grupo de la „Bund Deutscher Kriegsbeschädigter" (Asocio de germanaj militvunditoj) antaŭ ĉ. 100 p. — *Heidelberg*: Danke al afabla subteno de la eldonisto S-ro Ellersiek, Berlin, kaj de S-ro Hoeber, Del. en Mannheim, povis okazi parolado de S-ro Kauffmann, Del. en Heidelberg, ligita kun instrua ekspozicio. La ekspozicio enhavis librojn kaj gazetojn kaj precipe montris klare la praktikan uzeblecon de Esp. kaj la utilon de UEA. Kurso komencis. — *Oederan i. Sa.*: De pasko 1921 okazos Esp.-instruado en la popollernejo kiel nedeviga fako. La l. studados en la 5a kaj 6a lernejjaro ĉiusemajne 2, en la 7a kaj 8a jaro 1 horon. — *Plauen i. V.*: Esperantista-Laborista-Grupo estas fondita. — *Zweibrücken*: Parolado de S-ro A. Mulert.

## Hispanio.

*Barcelona*: Pro la okazinta Unua Diskutanta Kunveno de Esp-istoj de Iberiaj Landoj, vekiĝis denove en Barcelona la entuziasmo por Esp. kaj tre ofte estas daŭrigataj la kunvenoj de Prez. kaj Del. de la Esp-istaj societoj kaj grupoj, por pritrakti gravajn aferojn, inter kiuj la kunlaboron al la „Dudkeilo", okazonta en Saragoso de la 26—29 majo 1921. La pasintan oktobron okazis la malfermo de Esp. kursoj en la ĉefaj societoj kaj grupoj el Barcelona. Dum la sama monato, ankaŭ estis inaŭguraciata la kurso de Esp., kiun, en la Barcelona Universitato, gvidas nia eminenta kaj fervora samano Pastro Klaudjo Planell; ĝi estas tre ĉeestata kaj esperigas gravan sukceson por la kursfino, ĉe kiu oni disdonos, post rigora ekzameno, atestojn pri kapableco kaj profesoreco de Esp. Ni atentigas pri la graveco de tiu ĉi afero, ĉar pro la multenombraj personoj dezirantaj lerni nian lingvon, ekzistas manko de instruantoj, kiun, laŭ eblo, oni devas forigi.

## Hungario.

*Budapest*: La 15 decembro estis bone sukcesinta Zamenhofvespero en la IXa distrikta laborista hejmo. La tiea grupo ŝajne estas tre vigla kaj vivforta! La 17 decembro estis simila festo en la Socia Muzeo aranĝita per la Landa Societo, kiu montris veran Esp-istan kunlaboron: pro manko de hejtmaterialo la sam-anoj kunportis sub la brako, sur la dorso, en valizoj karbon aŭ lignon por hejtigi la ĉambregon. Kunvenis proksimume 100 p., la ĉambrego pleniĝis. Malfermis la feston Esp.-lingve per interesa, entuziasma parolado D-ro Leono Lóránd, poste parolis hungare Adalberto Szász. La poemon por la naskotago (de D-ro Kalocsay) deklamis Jozefo Major. La malnovan rakonton pri „La filino de la feinoj" laŭtlegis hungare F-ino Irma Lederer. Originalan poemon deklamis D-ro Kalocsay, ekzemplojn el diversspecaj literaturaĵoj Esp-igitaj laŭtlegis Paŭlo Balkányi, kiu kun J. Major ludis malgrandan gajan teatraĵon, en kiu oni ne vidis aktorojn sur la scenejo! La vespero finiĝis post deklamo de gimnaziano Johano Balkányi per kanto de la himno. Sekve de ministeria ordono por la ŝtatlernejoj, direktoro Arpado Ravasz, de la budapeŝta kalvinana ĉefgimnazio, petis laŭ instigo de profesoro-kand. Arpádo Illyefalvy-Vitéz, la episkopon de la ĉedanuba kalvinana eklezia distrikto, ke simile oni povu instrui ankaŭ en la kalvinanaj gimnazioj. La episkopo Elek Petri eldonis nun tiun ĉi ordonon por la ĉedanub-distriktaj kalvinanaj ĉefgimnazioj. S-ro A. Laquer transprenis kurson de S-ro J. Mátéffy. Post publikigo de alvoko de la Hungara Esp. Servo pri la mizero en Budapest en diversaj eksterlandaj tagĵurnaloj alvenis por la malsatantaj infanoj en Budapest proksimume sesdekmil kronoj. La direktoro de kalvinana ĉefgimnazio A. Ravasz, gvidanto de skolta movado hungara, enkondukos Esp. en la skoltgrupojn de Budapest, ke ili povu servi dum la Esp-ista Postkongreso en Budapest 1921 al la fremdlandaj Esp-istoj venontaj Budapeston. — *Györ*: La Esp-istoj denove laboras. — *Veszprém*: Propagandas S-ro Akos Bucsy. Monsinjoro D-ro A. Giesswein vizitis kun ekonomia delegitaro Polion, kie li estis akceptita de la varsoviaj grupoj. Li vizitis ankaŭ la vidvinon de D-ro Zamenhof, kies saluton li kunportis por la hungaraj sam-anoj.

## Italio.

*Bologna*: Kurso ĉe universitata kulturklubo „Bononia". Parolado de S-ro Toschi. — *Genova*: La 15 decembro 1920 okazinte

la 61an naskiĝ-datrevenon de nia kara kaj neforgesinda Majstro Doktoro L. L. Zamenhof, la „Laborista Esp.-Grupo" ĉi tiea, organizis vesperan Esp. kunvenon por rememorigi tiun memorindan daton. Ĉeestis multaj novaj kaj malnovaj Esp-istoj, al kiuj paroladis tre diligente aŭskultita kaj je fino tre varme aklamita, la malnova, sed ĉiam treege fervora sam-ano Prof. Egidio Spagnol. Ĉiam bone vizitata estas la kurso gvidata de S-ro Barni. La „L. E. G." ĉiulunde kaj ĉiuĵaŭde multnombre kunvenas en la sidejo (Camera del Lavoro, Via S. Luca 4/2). La Ĝenova ĉiutaga ĵurnalaro ĉiam favore raportas pri Esp. precipe la posttagmeza ĵurnalo „Il Picolo", kiu publikigas ankaŭ longajn artikolojn de S-ro Managlia. La „Genova Popola Universitato" dum la 1921a enkondukos Esp. en ĝia programo, po 4 konferencoj (aŭ pli) jare. Kontentiga sukceso. — ***Milano*:** La nova urbestro estas nia fervora sam-ano D-ro Filipetti. Koran gratulon al li *(Red.)*. — ***Sambonifacio*:** Per parolado de S-ro Adv. Vaona en la komunuma salono antaŭ 100 p., la 12 decembro, oni inaŭguraciis kurson en tiu ĉi urbo. Al la kurso, kiu estos gvidata de S-ro Reni, aliĝis 25 p.; aliajn aliĝojn oni atendas. La Komunuma estraro donas sian apogon, kaj la lernej-inspektoro promesas enkonduki la instruadon de Esp. en la lastan klason de la unuagradaj lernejoj. — ***Venezia*:** Publika kurso kun 125 p. Gvidantoj: F. Pizzi kaj Prof. J. Vianello.

## Jugoslavio.

***Mostar*:** Du kursoj de nia Del. S-ro N. Bubalo, entute 30 p. En la loka gazeto „Narodna Sloboda" regule aperas tradukaĵoj el Esp. La antaŭmilita intereso denove vekiĝis sed mankas lernolibroj kaj vortaroj. — ***Veliki Beĉkerek*** (Banát): Kurso por laboristoj. 32 p. de 3 nacioj, el kiuj nur malgranda parto konas aŭ almenaŭ komprenas ĉiujn tri lingvojn (serba, hungara, germana).

## Nederlando.

***Rosendaal*:** Asocio „Gildebond" organizis kursojn.

## Polio.

***Inowrocław*:** La 27 X 1920 komenciĝis kurso. Enskribitaj personoj: 33, partoprenas efektive: 17. Gvidas gimn. prof. J. Orzech.

## Rumanio.

***Târgul-Mures*** (Marosvásárhely): Niaj transilvaniaj pioniroj fondis Esp.-Centron (adreso: Ĉefplaco 66). Eldono de lernolibro trilingva: rumana-hungara-germana estas en preparo. Fondiĝis Esp.-ista Grupo kun 100 m. La unua sessemajna kursaro finiĝis per publika ekzameno brile sukcesinta en la Kulturpalaco. Oni deklamis, kantis kaj ludis teatraĵon. La kursanoj montris surprizan sukceson. Estas 4 novaj kursoj por komencantoj kaj 2 por progresantoj. Ankaŭ en lernejoj estas aranĝataj kursoj.

## Svedio.

***Talun*:** Kurso, 15 p. — ***Hallstahammar*:** Kurso, 10 p. La grupo refondiĝis. — ***Korsnäs*:** Kurso, 20 p. — ***Motala*:** Parolado de S-ro Einar Adamson. 100 p. Fondiĝis grupo. — ***Sandviken*:** Agrabla festo kun parolado, muziko, deklamoj, — ***Stockholm*:** Parolado de S-ro H. Söderbergh antaŭ 400 p. pri „la sveda propono al Ligo de Nacioj pri la Mondlingva demando". La socialdemokrata junularo aranĝis diskuton pri la mondlingva demando. Niaj svedaj amikoj multe klopodas. La prezidanto de la Sveda-Esperanto-Federacio estis akceptita aŭdience de la Reĝo Gustav V. La reĝo promesis ekzameni kun la ministro de publika instruado la petskribon pri prova instruado de Esp., prezentita de la Federacio. La sekvantan tagon la ministro aŭdience akceptis la prez. de S. E. F. Li pripensos la aferon kaj poste vokos la vizitanton por priparolo de la afero.

## Ameriko.

***Brazilio*:** Multaj artikoloj pri Esp. aperis en la naciaj gazetoj. — ***Hebron*** (Nebr.): La leĝo nuntempe malpermesas uzadon de alia lingvo ol la angla en lernejoj, publika, privata aŭ eklezia. Kurso de Esp. devis ĉesi! — ***Montreal*** (Kan.): Kurso, 20 p. La grupo kunvenas regule. — ***New York*:** La grupo „Harmonio" organizis diversajn festojn kaj festmanĝojn kun paroladoj, muziko, deklamoj. Kursoj publikaj, por Bahajanoj, socialistoj, ruslingvanoj.

## Azio.

***Keijo*** (Soul, Koreio): Fondiĝis grupo. Adreso: Kôheidô 83. — ***Otaru*** (Hokaido): 2 kursoj, ĉiu kun 30 p. — ***Tokio*:** 2 kursoj. Ĉe Nippon Esperanto-Ŝa, 40 p.; ĉe Esp. Instituto, akcepto de 30 sam-anoj laŭ invito de S-ro G. J. Ramstedt ĉe la finnlanda ambasadorejo. Propaganda kunveno ĉe Iĉikô-Klubo „Verda Stelo". — ***Yokohama*:** 3 kursoj. La grupo havas 60 m.

---

# TRA LA KONGRESOJ

## 7a Kongreso Japana

La 7a Kongreso de Japanaj Esperantistoj okazis la 1 oktobro en Tokio. Ni ricevis kun prokrastego la informojn pri tiu kongreso kaj povas informi pri ĝi nur en januaro. Ĉeestis 30 personoj. Prezidis S-ro Ŝ. Macuba. Oni diskutis multajn temojn rilatajn al la Japana asocio. La dua tago estis dediĉita al propagandaj paroladoj antaŭ 600 p. Krom 7 japanaj paroladistoj S-ro Ramstedt, finna ambasadoro, parolis pri sia lando. Poste 40 esperantistoj ĉeestis komunan vespermanĝon. La tria tago estis dediĉita al ekskurso al Kamakura kaj al Hase, kie troviĝas bela statuego de Buda.

---

# DIVERSAĴOJ

.·. **Samtempa propagando.** — La G. E. A. daŭrigas la komencitan propagandon jene: 20 feb. al instruistoj, 27 feb. al studentoj, 20 marto al bontemplanoj, 30 marto al kantunuiĝoj, 20 aprilo al junulaj asocioj, 20 majo al kolektistoj. — 7 naciaj Esp. asocioj aliĝis. Petu cirkuleron pri tiu iniciato al G. E. A. Hauptstrasse 38, Dresden N.

.·. **Esperanto en la lernejoj.** — Ĉe la eldonejo Perthes en Gotha aperis broŝuro „Kiun direkton donu la tutlandaj lernejaj konferencoj al nia publika instruado?" de Prof. Oskar Kühnhagen. En tiu ĉi libreto troviĝas bonega artikolo pri la „funkcionta rolo de Esperanto en la unueca lernejo" de Prof. Wetekamp. Prof. Kühnhagen estas teoria ano de Esperanto kaj jam postulis ĝian devigan enkondukon en la lernejoj en sia antaŭa ampleksa libro „La unueca lernejo".

.·. **Esperanto kaj Polico.** — La Polica Esperantista Asocio en Dresden sendis alvokon al ĉiuj Esp.-policanoj petante ke ili aliĝu al la grupoj kaj al la Internacia Polica-Esp. Asocio en Paris. — Adreso de la Grupo: Arthur Pohle ĉefpolicisto, ĉefpolicejo Dresden.

.·. **Esperanto kaj Sporto.** — La Ilustrata Sporta Revuo en Zagreb (Jugoslavio) publikigas Esp. angulon de D-ro Maruzzi. Interŝanĝo de fotografaĵoj pri sportaj okazintaĵoj estas dezirata.

.·. **Esperanto kaj la Foiroj.** — La foiroj de Frankfurt kaj de Breslaŭ dissendis cirkulerojn en Esperanto.

.·. **Komercistoj** bonvolu sendi prezarojn k. t. p. al Del. W. B. Currie, „La Verda Stelo", Burnley. Nacia Konferenco de la „Chamber of Trade" okazos en Burnley 1921. La Brita „Chamber of Trade" jam akceptis Esperanton."

.·. **Atentigo pri ĝustaj adresoj.** — Nederlanda Federacio de Laboristoj Esperantistaj. La korespondaĵoj estu adresitaj de nun al la 1a sekretario-kasisto A. Kloek, 1e Sweelinckstr. 19 II a, Amsterdam. La korespondaĵoj por la N. L. E. servo al S-ro K. H. Meyer Fak. v. Poortvlietstr. 21, den Haag. La adreso de „Nederland-Esperanto" estas pere de S-ro A. Kloek.

## TRA LA GAZETARO

### Esperanto en Ruslando

.·. Ni fine ricevis kelkajn numerojn de la oficiala bulteno de Petrograda societo „Espero", kaj ni povas doni kelkajn detalojn pri nia movado en tiu lando. Oni memoras, ke, lastan printempon, polaj kaj germanaj gazetoj publikigis depeŝon kun eltirajo el rusa soviet-jurnalo anoncanta la oficialan enkondukon de Esperanto en la lernejoj laŭ decido de oficiala komisiono elektita de la registaro. Ĉe la kongreso en Hago S-ino Cense esprimis dubojn, ne nur pri tiu-ĉi novaĵo, sed ankaŭ pri la starigo de vera Esperanto-domo en Moskva palaco. D-ro Privat respondis al ŝi dirante, ke pri la lasta fakto (de la domo) UEA ricevis precizajn informojn, kiuj permesas konsideri ĝin kiel nediskutebla, dum ni prefere atendu pliajn informojn por decidi kio estas vera aŭ ne pri la afero de la komisiono kaj lernejoj.

Jen paragrafo de la junia Bulteno de „Espero": „Dum 1919 Januaro estis organizita ĉe Popola Komisarejo de Klerigado speciala komisiono por esplorado de demando pri enkonduko de L. I. en la lernejoj. En la komisiono partoprenis kelkaj Esperantistoj, unu Idisto (D-ro Titov) kaj 3 profesoroj. La komisiono dum majo 1919 finis siajn laborojn, aprobis raporton prezentitan de N. P. Efstifejev en la nomo de Esperantistoj.

La tezoj aprobitaj estis propagandacele presitaj sur apartaj folietoj. Plej ageman rolon en la komisiono ludis Efstifejev kaj Titov. La rezultoj de la laboro estis dum majo 1919 prezenzitaj al la Fako de Unueca instruado, kiu transdonis ilin al la Lerneja Sekcio.

La lasta likvidis la komisionon, pagis al ĉiu komisionano certan sumon por la laboro kaj al N. P. Efstifejev, kiu tiutempe jam mem oficis en Popola komisarejo de Popola Klerigado, transdonis proponon, adresitan al la membroj de la komisiono, modifi kaj aranĝi la raporton, konforme al la bezonoj de Lerneja Sekcio."

La afero restis tie. Enkonduko de Esperanto en la lernejoj estis do decidita principe, sed neniu scias kio okazis je S-ro Efstifejev kaj je lia lasta raporto. Same pri la Moskva domo Esperanto. Ĝi efektive ekzistis kaj loĝis en palaco, kiel atestas artikolo de S-ro Drezen en la dua bulteno de la societo Espero, sed okazis ia skandalo politika aŭ financa kaj la tuta afero likvidiĝis kaj rekomenciĝis sub aliaj formoj. Ŝajnas, ke Tutruslanda Esperantista Komunista Unuiĝo, Tutruslanda Esperanta Kooperacio kaj diversaj politikemaj organizaĵoj havis malfacilaĵojn ekster la lingva kampo. Tutruslanda Federacio de junaj Esperantistoj publikigis kelkajn numerojn de „*Juna Mondo*". Nova Societo fondiĝis por eldoni komunistan revuon: „*La Torĉo*". Ankaŭ stariĝis „Organiza Komitato de Esperanta Sekcio de Komunista Internacionalo". En Ĥarkov prosperas triĉambra Esperanto-domo pli modesta ol la Moskva, sed pli sendependa. En Petrogrado la Societo Espero regule eldonas sian bultenon malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj de la vivo. En Siberio Kooperativa Kongreso alprenis rezoluciojn favore al Esperanto. De nia samideano Szabuniewicz ni recevis leteron el Moskvo anoncanta, ke la movado en tuta Ruslando estas tre vigla kaj lernolibroj tro malmultaj por la bezono.

Estas malfacile trakompreni la misteran atmosferon odorantan eĉ inter la linioj de la nunaj rusaj Esperanto-gazetoj. Nia impreso estas, ke la Sovieta registaro interesiĝis je Esperanto kaj estis preta ĝin helpi, sed ke ĝi eble trovis, ke tro multaj en la Esperantistaro ne volis submetiĝi al tiu aŭ alia politika influo. La ĉefaj Esp. agintoj ne sukcesis kunigi en samaj organizaĵoj unuflanke la oficialan apogon (kun kredeble severa politika trudo) kaj aliflanke la kompetentan kunlaboron de pli neŭtralaj Esperantistoj. Ni ne deziras insisti pri nia diveno aŭ supozo por ne malhelpi al personoj. Ni nur esprimu al ĉiuj niaj rusaj samideanoj nian koran simpation kaj amikecon. Sen presejoj, sen papero, sen hejtigo, ofte sen pano, ili sukcesas ne nur vivi, sed propagandi kaj disvastigi nian aferon metante ĝin super sia sufero kaj ĉiaspecaj malfacilaĵoj. Al ili dankon kaj kuraĝon!

.·. „*Esp. Triumfonta*" de 15 januaro represas artikolon el la rusa ĵurnalo „Proletarij Svjazi" de 15 julio 1920: „Burĝecaj registaroj starigis diversajn malhelpaĵojn por la studado de tiu lingvo (t. e. Esperanto), ĉar ili antaŭsentis, ke la proletariaro de tuta mondo pere de Esperanto eniros en proksimajn interrilatojn, interkonsentos, kaj ian belan tagon la potenco de la kapitalo ĉie disfalos. Konsiderante tion, nia Sovjeta Registaro enkondukis la studadon de Esperanto en diversajn lernejojn, ankaŭ en eksterlernejan klerigadon de plenaĝuloj laŭ internacia masŝtabo, t. e. ke rusa laboristaro povu interkompreniĝi kun laboristoj de Anglio, Francio, Germanio, Ĉinio kaj aliaj landoj sen la helpo de tradukistoj."

### Pri trograndigo

.·. S-ino Cense prave kritikis en Hago la tendencon de multaj esperantistoj trograndigi siajn sukcesojn. Konsentanto respondis al ŝi, ke oni ne devas fali en la kontraŭan danĝeron. Nia samideano Paŭlo Balkanyi ilustras tiun ĉi vidpunkton per artikolo en „*Esperanto Triumfonta*" (29 decembro 1920). Subtenante la tezon, ke oni ne sufiĉe zorgas pri la uzado praktika de nia lingvo, li trograndigas siajn argumentojn, kaj oni povus kredi laŭ lia rezonado, ke apenaŭ kelkcentoj da esperantistoj interŝanĝas poŝtkartojn.

Nu tio estas tre malproksima de la vero. Neniu pli ol Hector Hodler malŝatis trograndigojn kaj malvarme insistis pri justaj ciferoj. En la Ĝeneva oficejo de UEA ni scias sufiĉe precize pri nombroj, kaj ni povas certigi al la kunlaboranto de „*Esperanto Triumfonta*" ke la interŝanĝantoj de poŝtkartoj per Esperanto fakte superas kelkmilojn, ni diru kvin aŭ ses mil. Iu ajn, kiu metas anonceton ja spertis la pluvegon da petoj recevitaj. Entute kredeble dekvinmil personoj korespondas iel ajn en esperanto sufiĉe konstante laŭ nia opinio.

Sed efektive tio estas tro malmulta, kaj S-ro Balkanyi tute prave plendas, ke la esperantistoj ne sufiĉe subtenas la praktikan organizon de UEA, kiu tamen donas admirindan bazon por tia uzado. Dekmil membroj devus esti facile troveblaj en la nuna tempo. Dum la malfacilaĵoj pro la kurzo daŭras, nia oficejo devas elspezi pli ol ĝi enkasigas, kaj tio estas ne normala. La garantia kapitalo de UEA devus esti uzebla por internacia propagando anstataŭ ekskluzive servi por pagi oficejan deficiton. Ni firme aprobas la alvokon de „*Esperanto Triumfonta*", ke la esperantisto konsideru sian urĝan devon subteni la solan manieron enkonduki esperanton praktike aliĝante al UEA.

.·. „*Esperantista Laboristo*" enhavas interesajn literaturaĵojn de Maksim Gorkij, Tetmajer, k. t. p.

.·. „*La Revuo Orienta*" daŭrigas la publikigon de la impresoj de pastro J. Seriŝev pri piedvojaĝo tra Japanio.

.·. „*Vegetarano*" reaperis (F-ino M. van Rees, Laren, Nederlando).

.·. „*Verda Utopio*" ilustrita japana revuo enhavas tre originalajn artikolojn kaj poeziojn.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Germana Esperantisto*"; „*Franca Esperantisto*"; „*Nederland-Esperanto*"; „*Deutscher Arbeiter Esperantist*"; „*Amerika Esperantisto*"; „*Argentina Esperantisto*"; „*Brazila Esperantisto*"; „*Esperanto-Praktiko*"; „*Esperantský Zpravodaj*"; „*Espero Katolika*"; „*La Unuigita Tuthomaro*": „*Škola Esperanta*"; „*Hungara Esperantisto*"; „*Le Monde Esperantiste*"; „*La Progreso*"; „*Hispana Esperantisto*"; „*Kristana Espero*"; „*Esperanta Ligilo*".

.·. Aperis artikoloj pri Esperanto aŭ UEA en „*Jornal do Comercio*"; „*Volkszeitung*"; „*Nowe Tory*"; „*O Sociocrata*"; „*Der Oberschlesier*"; „*The Dutton Shorthand Magazine*"; „*Portugal Comercial e Industrial*; „*Auckland Labour News*"; „*Nieuwsblad van het Noorden*"; Laturjas Sargs"; „*La Discusion*"; „*The Bath Herald*"; „*Justicia*"; „*La Taquigrafia*"; „*Essener Allgemeine Zeitung*"; „*Auerbacher Zeitung*"; „*Il vero amico del Popolo*"; „*Cordoba Comercial*"; „*Neue Zeit*": „*La Giustizia*"; „*Le Journal des Foires et Expositions* (3, rue Chaillot, Paris) havas subtitolon en 5 lingvoj, el kiuj Esperanto.

---

# TRA LA LIBRARO

**Vortaro de la internacia lingvo Esperanto.** (Kun fundamenta gramatiko). Bulgara-Esperanta-Biblioteko, 2a serio, N-ro 3—4. *Iv. H. Krestanoff.* 146 paĝoj, 13 ½ × 19 cm. Prezo: Fr. 3.

Tiu nova eldonaĵo de nia senlaca propagandisto kompletigas lian jam riĉan verkaron celantan enkondukon de Esperanto en Bulgarion aŭ diskonigon de tiu lando en tutmondon.

Post antaŭparolo, estas la fundamenta gramatiko en bulgarlingvo, kun tabeloj pri verbaj finiĝoj, simplaj vortetoj kaj afiksaro, kaj klarigo pri la vortaro mem. Tiu lasta ĉefa parto konsistas el Esperanto-Bulgara kaj Bulgara-Esperanta vortaroj. La unua enhavas kun la vortoj de l' Universala vortaro tiujn el la du oficialaj aldonoj de la Akademio kun iliaj ĉefaj derivaĵoj. Ĉar ĝis nun tia plena laŭalfabeta oficiala radikaro ne aperis, tiu vortlisto estos eĉ utila por ĉiuj nebulgaraj samideanoj. La dua ne estas malpli plena. Tial, bone presita, kun tre malmultaj preseraroj por tia libro, tiu instru- kaj lernilo estos certe ŝatata de espereble multnombraj uzontoj, kiuj la verkinton dankos kaj laŭdos pro lia grava utila laboro. — *G. S.*

**Ses noveloj.** *El la hungara literaturo.* De Jókai, Mikszáth, Herczeg, kaj Molnár. 32 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo: Fr. 0. 50. (Ricevebla por tiu prezo afranke de Hungara-Esperanto-Servo, Budapest VI, Hajos-u. 15. II, Hungario.)

Noteto anoncas, ke la enhavo de tiu libreto estas specimeno de Hungara literaturo elprenita el malnovaj numeroj de „La Verda Standardo", kaj de „La Revuo". Ĝia stilo estas facila, viva; nur pro kelkaj ne tre klaraj esprimoj aŭ neĝustaj vortoj oni povus kritiki; agrablan horon oni pasigas legante tiujn noveletojn, ĉiuj ses estas plaĉaj, interesaj; en ili humoro kaj emocio sinsekvas kaj siavice elvekas rideton aŭ simpatian korsenton; kvankam malampleksaj, tiuj rakontoj sufiĉas por pruvi la originalecon kaj beletristikan valoron de Hungaraj verkistoj. — *G. S.*

**La Fianĉiĝo. — Lea.** *Aleksis Kivi.* Finna Biblioteko Esperanta N-ro 3. Helsingforso: Eldona Akcia Societo Otava. 64 paĝoj 13 × 19 cm. Prezo 4 FMk.

Du teatraĵoj facile ludeblaj, tre ŝatataj de la Finna publiko, diras prospekto.

*La Fianĉiĝo,* tradukita de *Hilma Hall* estas amuza komedieto. Eva, moderna pretendema fraŭlino, vivas pli malpli honeste ĉe sinjoroj. Pro disputo ia, ŝi sciigas al naiva fraŭla tajloro, ke ŝi edziniĝos kun li. Li do alveturigas la fraŭlinon en sian hejmon, sed ŝi rifuzas plenumi sian spitan promeson kaj forlasas la trompiton duone frenezigitan. Ne en la temo mem enestas komikeco, sed en la portreto de l' kredema tajloro, de lia parolema amiko, en iliaj originalaj diroj kaj pensoj. Jen kelkaj. „— Ĉar tio ne efektiviĝis, vi nun indigne fumos muskon anstataŭ sinjora tabako. — Pli bone estas en stomako de urso ol inter ĝiaj dentoj. — Ho la virina karaktero! Miraklo inter ĉiuj mirakloj. Eterna konfuzo de ora sunlumo kaj malluma nubaro, galimatio sen komenco, sen fino. — La plej ega timulo portanta pafarmilon povas en momento mortigi la plej kuraĝan heroon, kiu estas sen armilo. — Mi estas maljuna fraŭlo, kies vivo nun ŝajnas al mi simila al tiu de blato dormetanta en la murfendo ĉe lastaj radioj de subiranta suno. — Ne dekonsilu viron preni virinon, sur kiu li jam fiksis sian okulon; li tamen prenos ŝin kaj iam oni flustros al ŝi pri via dekonsilo, kiun la friponino ne pardonos al vi eĉ sur la paradizaj kampoj."

„Dekonsili" mi energie malkonsilas; same „garantementi" (garantii) aŭ „kuriro" (kuristo, kuriero). „Mastro", por tajloro estus pli ĝusta ol „majstro", kaj „majstrino" esperante ne povas signifi „amatino"; ĉu „tetroludo" estas ia kokludo, kaj kio estas „eterna momento"; tiuj du vortoj estas tro kontraŭsencaj por esti kunmetataj.

*Lea* estas kvazaŭ religia drameto. Ĝi okazas en Palestino en tempo de Kristo. Zakeo, la impostisto de Jeriĥo, kolektis por si mem multe da mono. Li edzinigos sian filinon Lea kun Joas, kiu hipokrite amas kaj dipreĝas, sed nur celas la esperatan doton. Lea amas Aram, sed sentas sian devon obei al la patro. Ŝi akceptas la Kristan kredon. Ankaŭ ŝia patro vidinte la Mesion fariĝas kredanto kaj lia decido, fordonaci la maljuste akiritan riĉaĵon, samtempe malkovras Joasan malnoblecon kaj la veran amon de Aram, kies konvertiĝo ĉion bone aranĝas.

Kutime teatraĵo, kie Kristo aŭ agas aŭ estas nevidata partoprenanto kaŭzas ian malagrablan senton eĉ ĉe nekredantoj; eĉ se, kiel en Lea, la krista persono kaj instruo estas pie traktataj. Dubeble estas ĉu ĝia prezentado estus ĉie favore akceptata. Aliflanke la traduko de *Ilmari Ekström* estas bonega, korekta kaj ofte la poroloj estas plenaj je vera poezio. Jen ekzemple ĉe Lea infaneca rememoro:

„Ho! Kiam mi vidis vesperon tiel ĉarman? Se mi ĝin iam vidis, mi estis tiam eta infano. Ekstere tie, transe de la muroj de l' urbo, mi restis en somertago, ludante en la palmaro. Malsupren laŭ la ĉiela firmamento malleviĝis la brilanta suneto el la oraj belnuboj de l' okcidento, kaj la sudokcidenta vento blovetis ĉarme, blovetis kaj bruetadis en la suproj de la palmoj. En ilia ombro mi saltetadis kaj ludadis, gaja knabineto, kiam eksonis al miaj oreloj voĉo tra la milda karesanta fluo de l' vento, vokante: Lea, Lea kaj ree Lea. Kiu okazis tie? Kies estis la dolĉe sonoranta voĉo? Ho, tiam la fratino mildkora de mia patrino, virino nigrabukla kaj ardanta kiel ruĝanta rozo alproksimiĝis, vokante sian plej amatan infanon. Ŝi venis, min envolvis en sian mantelon kaj diris: rapidu jam hejmen, kun mi rapidu, karulino, tie gastoj el la urbo Mahanaim en nia domo amuziĝas, kaj vin deziras ili vidi, ĉirkaŭpreni kaj kisi. Venu, mia infaneto, venu! Tiel ŝi diris, portante min en la ŝirmo de sia mantelo kontraŭ la freŝa, dolĉa venteto, kaj vidiĝis fine la kara domo. Ni eniris, kaj de la sankta odoro de folioj pleniĝis la ĉambro en la sabata vespero. Eniris ni, kaj ridetante etendis kontraŭ mi la brakojn la ĉarmaj gastoj el Mahanaim, kaj nun de brako al brako mi estis portata kiel ora burĝono. Kiel birdeto karese portata mi nun ĉirkaŭiris de la ŝirmantaj brakoj de l' virinoj al la brustoj de l' viroj en ĉarma rondo, ĝis mi fine denove ripozis en la mildaj brakoj de mia portintino. Tie mi feliĉega ripozis kaj rigardis tra la fenestro al la fora okcidento kaj vidis tie la flamon estingiĝantan, de l' suno, kiu sankte ridetante malleviĝis post la brilantajn montojn. Jen kia la plej bela tago de mia infanaĝo. Ho, kun ĝi mi volas kompari tiun ĉi tagon." — *G. S.*

Relazione sul **V° Congresso nazionale di Esperanto di Bologna** (3—5 ottobre 1920), presentata a S. E. il Ministro della Marina. Comandante prof. *Alberto Alessio,* capitano di Fregata. (Eltiraĵo el numero novembra-decembra 1920 de l' Rivista Maritima, Roma.) 22 paĝoj 16 × 24 cm.

Tiu itallingva broŝuro estas grava resumo de la decidoj alprenitaj en Bologna. Ili estas esprimataj per 38 konkludoj; la ĉefaj parolas pri la perfekta taŭgeco de Esperanto kiel helpa lingvo internacia, pri ĝia disvastiĝo tra la mondo, pri la nova organizado de Nacia Itala Federacio, pri la decido prezenti al ĉiu „Ministerio" la proponojn, kiuj pli multe povos interesi ĝin, pri la fondo de parlamenta grupo favora al Esperanto, pri la agado ĉe la gazetaro, ĉe la aŭtoritatoj, scienculoj, komercistoj, fakaj asocioj, pri la internacia turista kunvenego organizota en Italio aŭtune 1921, pri la neceseco por ĉiu Esperantisto fariĝi membro de UEA, k. t. p.

La bonega kaj efika verketo finiĝas per varma alvoko al la itala publiko, kiu devas kompreni la belan kaj noblan idealon de l' Esperantismo, fonto de paco inter popoloj. — *P. H.*

**Plena lernolibro por meminstruo de Esperanto.** *V. A. Dmitrief* kaj *P. D. Medem.* 48 paĝoj 11½ × 17½ cm. Prezo ne montrita.

Tiu ruslingva lernolibro, eldonita en Dresden, estas ĉefe destinita, diras en antaŭparolo S-ro Medem, al la Estonoj, Letonoj kaj Litovoj, por kiuj tia verko ĝis nun mankis.

Kiel ĉiuj tiaj, la libro konsistas el gramatikaj klarigoj, vorttradukoj, ekzercoj por traduko kaj legaĵoj. Ni ne povas juĝi la

rusan tekston; sed laŭ ekzameno de la Esperantaj partoj kaj laŭ la jam konataj tradukoj de S-ro Medem, oni facile konvinkiĝas, ke tre bona kaj tute korekta estas tiu bele presita libreto. Ĝi prosperigu nian movadon en tiuj novaj landoj, kie ĝia neceseco kaj utilo estas nature pli senteblaj ol aliloke. — *G. S.*

**Den moderne Forretningsmand koresponderer paa Esperanto.** (La moderna komercisto korespondas en Esperanto.) *Centra Dana Esperantista Ligo.* 12 paĝoj, 14×22 cm. Prezo: Kr. 0,35.

La titolo sufiĉe klare montras la celon de tiu Danlingva propagandilo: Koncize dirinte la kvalitojn de Esperanto, ĝian facilecon, la maleblecon elekti nacian lingvon, kiel la anglan, por internaciaj rilatoj, ĝi poste raportas pri la klopodoj jam faritaj en diversaj landoj por la uzo de Esperanto en la komercaj aferoj, pri la specimenfoiroj, kiuj per ĝi reklamis, pri la ĉefaj firmoj, al kiuj Esperanto estis utila, kaj pri la komercaj servoj riceveblaj per UEA.

Ni bezonus tian broŝuron, kun precizaj fidindaj kaj novaj informoj, en ĉiuj gravaj lingvoj, kaj plie sufiĉajn monrimedojn por disdonigi ilin en la komercaj rondoj. — *G. S.*

**Manifesto de la „Defenda ligo por la teritoria unueco de Hungarlando" al la Esperantistoj de la mondo.** Kvarpaĝa folio, 15×22 cm.

Elokventa dolorkrio de malfeliĉa nacio baraktanta kontraŭ teruraj batoj. Ĉu estas ĉio vera en tiu akra plendo; ĉu la nuna viktimo ne iam estis por aliaj premeganto malamata? Ni tion malfacile povas decidi. Kiom granda kaj timiga estos la tasko de la Ligo de Nacioj ĝis plena ĉiea paco!

La teksto estas energia, trafa, laŭta veado vere korŝiriga. Kelkloke oni renkontas uzon de „ilia" anstataŭ „sia", cetere tolereblan laŭ Zamenhof mem. — *G. S.*

**Fideleco kaj Esper'.** Himno. Poemo de *S. Frantz.* Muziko de *F. de Ménil.* Vendas Esperantista Centra Librejo, Paris. 1 folio, 24×32 cm. Prezo: 1 franko.

Tiu simpla sed sence kaj sone bela poezio de S-ro Frantz estas kantebla laŭ ario kaj fortepiana akompano de S-ro de Ménil. Versoj kaj muziko bone akordiĝas en tuto, kiu estos aplaŭde akceptata dum Esperantaj kunvenoj aŭ festoj.

La kovrilo ankaŭ donas la „Lastan saluton al S-ro Hodler" aperintan en julia-aŭgusta numero de „Esperanto". — *G. S.*

---

# Ŝakludo inter Esperantistoj

Tiun artikoleton, kiu je mia miro aperis en oktobra „Esperanto", mi skribis proksimume antaŭ unu jaro. Alia gazeto estis proponinta la nematematikan sistemon de notado, kaj mi volis defendi la malon, por ke ne enradikiĝu inter Esperantistoj kutimo, kiu ne estus daŭre kontentiginta la diverslandajn ludantojn. Se mi estus sciinta, ke la nova redaktoro de „Esperanto" ĝin honorigus je presado, mi estus ĝin intertempe prilaborinta. Despli min miris kaj ĝojigis la sukceso. Al la sekvantaj 35 samideanoj mi dankas afable por iliaj kartoj kaj leteroj. Gesinjoroj:

Ackrozd, R., Bradford (Angl.). Allan, Th., Montreal (Kanado). Bailey, H. T., London. Bolliger, R., Bern. Bye, R. T., Philadelphia. Deakin, Sam., Liverpool. Dòrlencourt, Ad., Brighton (Angl.). Duman, Z. A., F-ino, Halstead (Angl.). Esteban, M., Madrid. Granĉeo, G., Sofia. Hajek, Fr., Praha-Nusle (Ĉeĥosl.). van Heek, G., Hengelo (Nederld.). Hepton, A., Hull (Angl.). Horsemann, H., West Hartlepool (Angl.). Iglesias, A. T., Santander (Hisp.). Johnston, H., Ilford (Angl.). Kobiela, R., Karwina (Ĉeĥosl.). Kraus, G., Némecky Brod (Ĉeĥosl.). Laiho, L., Helsinki (Finnl.). Mayer, F., Goldenöls P. Gabersdorf (Ĉeĥosl.). Mayner, D., Zaragoza (Hisp.). Mizera, Fr., Ĉ. Budejovice (Ĉeĥosl.). Pesonen, U., Alberga (Finnl.). Pönsgen, H., Kaiserswert (Germ.). Pruski, Ĉ., Siedlce (Polio). Rawlinson, Th., Liverpool. Rian, P., Levanger (Norvegio). Ribas de Pina, Palma Mallorca. Rogister, C., Genève. Romppainen, L., Helsinki (Finn.). Rother, M., Krefeld (Germ.). Schmid, J., Bern. Schmidt, G., por la grupo de Potsdam (Germ.). Theobald, H., Altona-Steenkamp (Germ.). Tinteren van W. H. G., Amsterdam. Wirth, F., Höflitz ap Bensen (Ĉeĥosl.). Zimmermann, O., Wien.

Ĉiuj korespondantoj deziras la malfermon de ŝakangulo, kaj multaj sin deklaras pretaj al kotizo ne tro alta aŭ al pagoj por organizota vetludo. Feliĉe ankaŭ ne mankas la kritikoj, el kiuj mi citu: La anglaj ŝakgazetoj kutimas noti la movojn pli mallonge, ol la „London News", el kiu mi kopiis laŭvorte. — Laŭ informo de S-ro Bailey, nia majstro jam eldonis ŝakproblemojn dum 1892, en „La Esperantisto", uzante la esprimojn „Kuriero" kaj „Soldato". „Kuriero" troviĝas en la Fundamento, „Soldato" ŝparas la proponitan novan vorton Peono, do mi opinias, ke oni povas fermi la diskuton kaj sekvi D-ron Zamenhof. S-ro Zimmermann proponas: „interludo" por partio, ĉar la preciza senco de tiu lasta vorto estas alia. La esprimo „mato", kvankam ĉefe uzata de la ŝakludantoj, signifas laŭ fundamento plektaĵon por purigi la ŝuojn, tial li preferus: „reĝmorto". La rokadon li anstataŭas de „reĝosalto", tiel pro kaŭzoj historiaj, kiel por ke oni povu diferencigi per reĝosalto kaj reĝosaltego la du konatajn eblecojn. „Pato", france kaj germane en ŝakludo la situacio, kie la reĝo, devigata moviĝi, ne povas marŝi ĉar ĉiuj liberaj kampoj troviĝas sub la minaco de kontraŭaj figuroj, staras en la Fundamento kiel „kaserolo". Rekomendiĝas la vorto: „Blokado", uzita de S-ro Paluzie. Mian vorton: „Remizo" (france „remis"), la Vienano korektas al „remiso", kaj la Anglo ĝin ne komprenas. Do, oni povus diri ludo „nula" aŭ „sensukcesa", kiam restas sur la breto nur ambaŭ reĝoj aŭ tiom malmultaj figuroj, ke „mato" aŭ „reĝmortigo" estas teorie ne atingebla. — Escepte unu, ĉiuj skribintoj, kiuj respondis pri la sistemo noti la ludon, aprobas la sistemon matematikan. Ofte estis citata la verko de S-ro J. Paluzie: Sesdek Ŝakproblemoj, Barcelona 1909. Intertempe troviĝis en la Biblioteko de UEA alia verko de la sama aŭtoro: „Un Artista en Ajedrez", Barcelona 1913, mallonga hispanlingva biografio de la ŝakmajstro Valentin Marin kun traduko esperanta de S-ro Pujula y Valles.

Pri la plej necesaj esprimoj oni interkonsentas. La pliajn proponojn mi rekomendas al la esploro de Samideanoj konstruemaj, kiuj espereble trovos la vortojn klarajn, laŭeble mallongajn, dezirataj de la ŝakludantaro.

Transirante al la praktiko, mi havas la plezuron konatigi, ke el diversaj afablaj proponoj D-ro Privat kaj mi elektis kiel Ŝakredaktoro de „Esperanto" S-ron *Fr. Hajek, Premyslovo n. 396, en Praha-Nusle (Ĉeĥoslovakio).* Ni supozas, ke li povos publikigi la unuajn problemojn en la februara numero kaj dankas antaŭe al S-ro Hajek por lia kunlaborado. La korespondintojn, kiuj promesis meti problemojn je la dispono de la gazeto, mi petas sendi ilin al la ŝakredaktoro. Li respondos eblajn demandojn mallonge en la ŝakangulo, sed ne povas sin devigi respondi persone.

Kotizo aŭ alpago ne estas necesaj. Nia presisto faris komplezan prezon tian, ke ĝi ne multe gravigos la deficiton de la gazeto, kiu estos granda pro kurzaj kaŭzoj, kun aŭ sen ŝakangulo. Tamen la bonvolaj oferontoj estas petataj rezervi la jam flanken metitajn monerojn: kiam realiĝos la plia deziro, nome vetludoj dum la kongresoj, tiam mi kuraĝos rememorigi je la nuna, tiom malofta kazo de ne akceptita pagpreteco.

La artikoleto havis la bonŝancon esti komprenata laŭ ĝia intenco: ne kiel esploro teoria, sed kiel alvoko al agado. Fininte mian taskon de iniciatinto mi transdonas la ŝakaferojn en la lertajn manojn de S-ro Hajek. Al li kiel al ĉiuj ludontoj mi deziras bonan sukceson.

*Ed. Stettler.*

---

*Kiu vivas por altaj idealoj, devas forgesi pensi pri si mem.* Anselm Feuerbach.

* * *

*Ofte estas timemo — de fieregeco hontemo.* Charles Baudouin.

* * *

*Ne ekspluatu homan paciencon: en certaj kondiĉoj, la plej bona vino vinagriĝas.* Charles Baudouin.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas le samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Pollo:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Lej.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu ta tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genéve. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Voĉdonado de la Delegitoj pri la statuto kaj pri elekto de nova Komitato.** — La 5 novembro 1920 estis forsenditaj de la Centra Oficejo 779 voĉdoniloj al 630 voĉrajtaj personoj. Je la 20 novembro la Centra Oficejo esploris la ĝis tiam alvenintajn voĉdonilojn kaj raportis en decembra „Esperanto". Kontrolo de la novaj voĉdoniloj fariĝis la 8 januaro 1921. Escepte kelkaj eblaj voĉdoniloj alvenontaj el tre malproksimaj landoj, la rezulto nun estas:

Voĉrajtaj personoj: 630. Necesa duono: 316. Ricevitaj kovertoj: 416 kun 525 voĉdoniloj. El ili estas senvaloraj pri statuto: 8; necesa duono do: 259; senvaloraj pri elekto de Komitato: neniuj, necesa duono: 263.

*Statuto:* 512 jes, 5 ne, 8 voĉdoniloj sen respondo: 525.

*Komitato:* Ricevis voĉojn gesinjoroj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Blaise, P. | 517 | Minkov, St. | 514 |
| Blicher, L., S-ino | 518 | Page, Wm. | 518 |
| Carles, A. | 515 | Privat, Edm. | 520 |
| Finholdt, J., F-ino | 518 | Rockmann, F. | 510 |
| Génermont, M. | 515 | Setälä, V. | 520 |
| Hromada, R. | 499 | Stamatiadis, A. | 518 |
| Karsch, J. | 518 | Stettler, Ed. | 520 |
| Krepelka, I. | 517 | Szabuniewicz, St. | 518 |
| Linares, P. | 515 | Tellini, A. | 515 |
| Mees, H. C. | 519 | Zamenhof, Leon | 518 |
| Metzger, M. | 509 | | |

Ĉiuj el la 21 kandidatoj proponitaj en „Esperanto", septembro 1920, atingis la necesan plimulton de 263 voĉoj. Ankaŭ neniu voĉdoninto forstrekis la proponon, ke la nova Komitato elektu mem duan rusan Komitatanon post la repreno de la poŝtrilatoj.

La restantaj 70 voĉoj dividiĝas je 45 personoj, el kiuj unu ricevis 8 voĉojn, unu 6, tri po 4, unu 3, du po 2; 37 voĉoj por unuopaj personoj.

Konforme al art. 56 de la statuto ni deklaras la projekton de statuto nun akceptita kaj la supre nomitajn personojn kiel Komitato de UEA.

Genève, la 8 januaro 1921.

La Ĝenerala Sekretario: *H. Jakob.*

La kontrolintaj membroj:
*H. Dubois. C. Rogister. J. Halter.*

**Decidoj de la nova Komitato.** — Per voĉdonado, okazinta dum decembro, la Komitato elektis: *Prezidanto* de UEA: S-ron Ed. Stettler, Bern. *Vicprezidanto* de UEA: D-ron Edm. Privat, Genève. Redaktoro de „Esperanto": D-ron Privat.

La Komitato decidis, ke la *„Komisiono"* konsistu el kvin personoj, nome el la Prezidanto de UEA laŭ ofico, kaj el sinjoroj: P. Blaise, London; M. Génermont, Moulins; Edm. Privat, Genève kaj F. Rockmann, Magdeburg.

**Komisiono de UEA.** — Ĝi konfirmis kiel Ĝeneralan Sekretarion de la Asocio S-ron H. Jakob en Genève.

La reorganizo de la Asocio, decidita de la kongreso en Hago, estas nun efektivigita. Ĝenerala elektado de la Delegitoj per la membroj okazos dum aŭtuno de tiu ĉi jaro.

**Oficiala Bulteno.** — Komence de januaro ni forsendis al ĉiuj Delegitoj la oficialan bultenon N-ro 3 enhavanta informojn por la agado 1921. Kun ĝi estis senditaj kvanto de aliĝiloj, membrolistoj, reklamiloj, proporcie al la nombro de la varbitaj membroj dum 1920. Delegitoj ne ricevintaj tiujn dokumentojn bonvolu nin informi; provizo de pliaj formuloj estas sendota laŭ peto.

**Pagoj.** — Ni tre petas niajn Delegitojn adresi ĉion al Universala Esperanto-Asocio kaj ne al privataj personaj nomoj. Tio valoras ankaŭ por poŝtmandatoj kaj ĉekoj. La neplenumo de tiu-ĉi regulo kaŭzas komplikaĵojn kaj prokraston. Nia nuna banko estas Société de Banque Suisse (Schweizerischer Bankverein), Genève.

**Kotizoj por 1921.** — Je la 30 novembro 1920 estis enkasigitaj 175 kotizoj (el kiuj 36 membroj, 130 membroj-abonantoj kaj 9 subtenantoj). Krom tio estas 196 dumvivaj membroj. Sume: 371.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro 1920:
Ricevitaj: 1029. — Forsenditaj: 1476. — Tuta sumo: 2505.

**Subtenantaj membroj.**

*Unua listo:*

1. S-ino A. Tuschinski, Danzig. — 2. S-ro Creston C. Coigne, New York. — 3. S-ro F. Groshek, Glen Massey (Novzelando). — 4. S-ro R. Eliott, Yelverton (Britio). — 5. S-ro T. Wright, Worthing (Britio). — 6. S-ro P. Blackham, Dublin (Irlando). — 7. S-ro W. Matthey, Le Locle (Svisio). — 8. S-ro W. Buchheim, Boulder (Usono, Kal.) — 9. S-ro Rother, Krefeld (Germanio).

**Garantia Kapitalo.**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 8825 |
| Akiris *duan* ateston de la unua serio | |
| S-ro Mazzucconi, La Plata | 100 |
| Frankoj | 8925 |

Ni rememorigas, ke ĉiu atesto de la dua serio kostas 300 Fr. Svisa valoro. Oni povas ĝin pagi ĉu en unu sola fojo, ĉu en tri jaraj pagoj da 100 Fr. Ĉiu mendinto de unu atesto de la G. K. estas dumviva membro kaj abonanto de „Esperanto", kiaj ajn estos la venontaj prezaltigoj. La mendojn kaj pagojn oni bonvolu sendi al la C. O. de UEA.

La personoj, kiuj jam posedas ateston de la unua serio povas akiri plian, pagante 100 Fr. Svisa valoro. Tiel agante, ili efike helpas al UEA.

**Delegitoj**, kiuj pasintan jaron havis minimume 10 membrojn estas formale petataj organizi *membro-kunvenon* ĝis plej malfrue je la fino de marto. La procedon indikas art. 23 de la statuto. La Delegito skizu la ĝeneralan situacion de UEA, konforme al la lasta kongresa dokumentaro kaj la indikoj donitaj en „Esperanto", raportu pri la loka agado kaj klarigu la neceson el la administraj informoj, kiuj aperis en la lasta Bulteno. Li uzu la okazon varbi membrojn, enkasigi kotizojn kaj havigi anoncojn por la Jarlibro. Plie li priparoligu la lokan kaj internacian agadon dum la nuna jaro. La ĝenerala plikariĝo de la vivo, kiun nia Asocio tiom sentas kiom la membroj, la malfacileco vojaĝi, la plialtigo de la poŝtaj taksoj kaj similaj malhelpoj devigas la ageman Esperantistaron trovi novajn vojojn. Kun siaj membroj la Delegitoj do esploru la rimedojn, kiujn ili juĝas plej taŭgaj, ne plendante, sed venkante aŭ ĉirkaŭante la malfacilajn cirkonstancojn. Interesajn proponojn ni publikigos en nia gazeto aŭ en la dokumentaro de la proksima kongreso. El lokoj, kie ne okazas elektoj, ni ne bezonas eltiron el la protokolo, sed deziras ricevi pri ĉiu kunveno mallongan raporton por la gazeto.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Articlave* (Irlando, Londonderry). — D.: S-ro H. E. Thompson, lernejestro.
*Ashton-under-Lyne* (Anglio, Lancashire). — D.: S-ro H. H. Daley, „St. Albans", Queen Square.
*Batka* (Ĉeĥoslovakio, Gömör megye). — D.: F-ino Lenke Vargha, studentino.
*Belfast* (Irlando). — D.: S-ro James Moorcroft, 272, Cliftonville Rd. — VD.: F-ino Sarah Mc Cullough, York Chalet, Earlswood Rd.
*Biarritz* (Francio, B. P.). — D.: S-ro Louis Bouzac, juristo, villa Samideana.
*Blackburn* (Anglio, Lanc.). — D.: S-ro Ernest Flint, 206, Cedar Street.
*Blackpool* (Anglio, Lanc.). — D.: S-ino A. C. Harrison, 38, Cambridge Rd.
*Bremen* (Germanio). — D.: S-ro F. Bohlmann, Zedernstr. 10/I.
*Caracas* (Venezuela). — D.: S-ro K. Fritsching, sekretario, Apartado 295.
*Courbevoie* (Francio, Seine). — D.: S-ro H. van Etten, 14, rue Cacheux.
*Crewe* (Anglio, Cheshire). — D.: S-ro Ernest Lee, 140, Richmond Rd.
*Cromarty* (Skotlando, Rossshire). — D.: S-ro M. Grant, Bank of Scotland House.
*Eccles* (Anglio, Lanc.). — D.: F-ino Ellen Thompson, Branwood House, Clarendon Crescent.
*Farnley* Tyas (Anglio, Yorkshire). — D.: S-ro A. J. Ashley, paroĥestro, The Vicarage.
*Fiume.* — D.: S-ro Th. Kovacs, fervojoficisto, 6, Salita dell' aquila.
*Gloucester* (Anglio). — D.: S-ro W. Minchin, farmaciisto, 29, Westgate Street.
*Guernsey* (Anglio, Channel Islands). — D.: F-ino A. E. Baxter, 43, Mount Rd.
*Haddington* (Skotlando). — D.: F-ino Helen Forrest, flegistino, Sanatorium.
*Halle a. S.* (Germanio). — D.: S-ro E. Muthschall, Anhalterstr. 10/I/l.
*Hellefors* (Svedio). — D.: S-ro Gustav Jönsson, Matserveringen.
*Krefeld* (Germanio). — D.: S-ro Max Rother, Königstr. 129. — VD.: S-ro Josef Schumacher, Canalstr. 103.
*Modica* (Italio, Sicilio). — D.: S-ro Pietro Favacchio, kanoniko, 47, via Ritiro.
*Molesey* (Anglio, Surrey). — D.: F-ino E. M. Kendrick, „Convor", The Park.
*Montargis* (Francio, Loiret). — D.: S-ro J. Champdavoine, au Château.
*Montereau* (Francio, S. et M.). — D.: S-ro J. B. Dubouchet, mekanika desegnisto, 4, rue de la Poterie.
*Montmorency* (Francio, S. et O.). — D.: S-ro Maurice Duval, 4, rue St-Jacques.
*Narva* (Estonio). — D.: S-ro Jakob Fridrichsmann, tajloro, Weike Aguli tänav 7. — VD.: S-ro Eduard Neij, kompostisto, Lembitu tänav 4.
*Northwich* (Anglio, Cheshire). — D.: S-ro H. N. Nowell, paroĥestro, The Vicarage.
*Oruro* (Bolivio). — D.: S-ro Modesto Millan, librotenisto, Casilla 40.
*Oxford* (Anglio). — D.: S-ro F. C. Charles, II., St. Clements. — VD.: S-ino M. C. Pollock, libristino, II., St. Clements.
*Poole* (Anglio, Dorset). — D.: S-ro Victor Hawkes, botisto, The Hermitage.
*Pori* (Finnlando). — D.: S-ro T. A. Nuotio, Yrjönkatu 15.
*Rajajoki* (Finnlando). — D.: S-ro M. E. Saukkonen, staciestro.
*Roxston* (Anglio, Herts). — D.: S-ro James Course, horloĝisto, Clock House.
*Rüstringen* (Germanio). — D.: S-ro Josef R. Laib, Holtermannstr. 15.
*Schönberg* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Josef Gabriel, Theod. Körnerg. 2.
*Sedan* (Francio, Ardennes). — D.: S-ro G. Fontaine, presisto, 8, rue d'En Bas.
*Svennevad* (Svedio). — D.: S-ro K. L. Andren, instruisto.
*Târgul-Mures* (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro J. Halàsz, Köteles Samuel 16. — VD.: S-ro Adalberto Lörinczy, asekuristo, poŝtfako 61.
*Taunton* (Anglio, Somerset). — D.: F-ino Ellen Fyson, 4, East St.
*Teddington* (Anglio, Middlesex). — D.: S-ro H. C. Booth, 18, Munster Rd. — VD.: S-ro Ernest F. Relf, aeronaŭtika inĝ., 100, Broom Rd.
*Tunis* (Tunizio). — D.: S-ro Maurice Raimbault, studento, école Bab-Aléoua.
*Uppingham* (Anglio, Rutland). — D.: S-ro W. F. Atkins, tajloro, High Street.
*Västerås* (Svedio, Västmanland). — D.: S-ro O. N. son Ihrborn, Viksäng.
*Wilhelmshaven* (Germanio). — D.: S-ro B. Eden, maŝinkonstruisto, Kielerstr. 28.
*Windsor* (Anglio, Berkshire). — D.: F-ino Nellie E. Powers, librotenistino, 20, High Street.

Ŝanĝoj:

*Bratislava* (Ĉeĥoslovakio). — VD.: S-ro Emil Wanitsek, urba kasisto, Városház.
*Düsseldorf* (Germanio). — VD.: S-ro N. Barthelmess, Immermannstrasse 26.
*Hannover* (Germanio). — VD.: S-ro Ernst Grund, Nordfeldstr. 14, Linden 4.
*Liverpool* (Anglio, Lanc.). — VD.: S-ro J. Applebaum, komercisto, 11, Mayville Rd. Allerton Rd., Mossley Hill.
*Palermo* (Italio, Sicilio). — D.: S-ro Stefano La Colla, 1, via F. Cavallotti.
*Peking* (Ĉinio). — D.: S-ro Kant Wood, The National University.
*Portland* (Usono, Oregon). — VD.: S-ro H. G. Glass, ŝipĉarpentisto, 867, Bowdoin Street.
*Venezia* (Italio). — VD.: S-ro Prof. Ivo Vianello, pentristo, S. Moise, 1490, Corte Foscara.

Tiuj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempo la novaj Delegitoj kaj Vicdelegitoj agas provizore.

Adresŝanĝoj:

*Bern* (Svisio). — D.: S-ro R. Bolliger, Brückfeldstr. 26/I.

*Clermond-Ferrand* (Francio). — D.: S-ro A. Thomas, 68, avenue de Boissejour.
*Liverpool* (Anglio). — D.: S-ro G. D. Lewis, 13, Rumford Street.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:

*Annecy* (Francio); *Cadiz* (Hispanio); *Černy Kostelec* (Ĉeĥoslovakio); *Forst* (Germanio); *Gorizia* (Italio); *Hangesund* (Norvegio); *Kuusankoski* (Finnlando); *Lisko* (Polio); *Menfi* (Italio); *Paris II; Postrum* (Ĉeĥoslovakio); *Uusikaupunki* (Finnlando).

**Jarlibro 1921.** — Ŝanĝojn kaj korektojn oni bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ. Ni atentigas: la lasta tempolimo por enskribo en la Interrilata Adresaro kaj por la komercaj anoncoj estas la 28 februaro.

**Sekretario en London.** — Kun registara konsento la sekretario en London ŝanĝis sian nomon, kiu nun estas: Harry A. Epton (Adreso ĉe B. E. A., 17, Hart street S. W. 1).

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Januara raporto*

La espero esprimita antaŭ unu jaro en tiu ĉi loko plenumiĝis. Nia Asocio denove povis labori internacie, kvankam ĉi tio nur malofte okazis ĝis nun. Sed nia anaro kreskis, la kolegaro ĉiam estas preta je reciproka helpo. La konatan, mallongan regularon ni aperigas denove.

*Regularo.*

Motivo kaj celo.

1e Konatiĝo inter la verkistoj.
2e Reciproka helpo.
3e Evito de malhelpa konkurado, ekz. samtempa eldono de egala aŭ simila ellaborajo, duobla traduko de l' sama verko, k. t. p.
4e Perfektigado de nia literaturo.

Ĉiu Esperantisto povas fariĝi membro, kiu per libro, gazetartikoloj aŭ poemoj pliriĉigis nian literaturon.

Membro ankaŭ povas esti persono, kiu science, fake aŭ mone subtenas la asocion.

1e Jara kotizo: 5 Fr. pagotaj en la komenco de la kalendara jaro.
2e Korespondado per respondpago.
3e Fideleco al la Fundamento.

Raportoj aperos en „Esperanto" Genève. Abono de la gazeto „Esperanto" ne estas deviga, sed tre varme rekomendita.

La administracio estas en Dresden, Nicolaistr. 18. Prezidantino: S-ino M. Hankel. Sekretariino: F-ino J. Zschepank.

Kolegoj, kiuj antaŭ nelonge sendis sian kotizon, nun ne devas denove pagi, ili tion nur faru en la komenco de 1922. Ĉiuj aliaj bonvolu nun sendi la kotizon al la administracio, Dresden, Nicolaistr. 18. Ili enmetu en koverton 5 Fr. aŭ simile grandan sumon laŭ ĉies nacia mono. Tiu ĉi lasta maniero estas pli simpla kaj pli al ni utila.

Kolegoj, kiuj delonge ne sendis kotizon, per tio ne eksiĝis, sendante monon ili tuj povas denove eklabori.

* * *

S-ino Mexin prilaboras vortaron ukraina-esp.

Aliĝis: S-ro Prelato Dombrovoski, Kovno. (Kaunas.)

*S-ino Marie Hankel,* Nicolaistr. 18, Dresden-A.

# Esperantista Parolejo

## Estimata Sinjoro Redaktoro!

Mi kore dankas vin por la regula alsendado de via ĵurnalo. Mi sendas al vi kaj al ĉiuj kunlaborantoj mian koran saluton kaj bondezirojn por la nova jaro.

Bonvolu presi en via ĵurnalo, ke ne povante al ĉiuj Esperantistoj skribi letere, mi transdonas per via ĵurnalo al la tuta Esperantistaro koran saluton kaj bondezirojn por la nova jaro.

Kun estimo,

*Klara Zamenhof.*

**Kore ni dankas S-inon Zamenhof pro ŝiaj afablaj bondeziroj. La tuta Esperantistaro ja pensas al ŝi respekte kaj ame. Ankaŭ en nia nomo ni deziras peti pardonon de ĉiuj amikaj skribintoj, al kiuj estas neeble respondi aparte. Al ĉiuj sinceran dankon kaj kuraĝigon!**

**Samideane**

*Edmond Privat.*

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *G. Ziegler*, en München, tre dankas S-ron B. Lage, Del. en Kiel, por afable plenumita grava servo.

.·. D-ro *Fritz Wicke* kaj la Chemnitzaj samideanoj dankas tutkore F-inon Leonore Stoeppler kaj la New-Yorkaj samideanoj por la plej bonkore alsenditaj nutraĵoj.

.·. S-ro *Emilio Castellano*, en Bara (Hispanio) sincere dankas S-ron Andrès Pino pro afable plenumitaj servoj.

.·. *G. Nivard* en Groningen (Nederlando) dankas S-ron Balkanyi en Budapest pro plenumita servo.

.·. S-ro *G. Perrin*, Del. en Calais, dankas S-ron W. G. Korbijn fervoja kondukisto, kiu inter Esschen kaj Rotterdam venis plurfoje en sia vagonfako, akompanis kaj helpis lin en Rotterdam.

.·. *Paŭlo Balkányi*, Del. de Budapest, kore dankas al F-inoj Nella Boon, C. A. Schafsmaa, Holando kaj al S-ro John Bredall, Croydon, Anglio por ripetitaj sendoj por infanoj malsataj. Specialan dankon mi sendas al F-ino Nella Boon, kiu publikigis la alvokon de H. E. Servo en diversaj ĵurnaloj, sekve de kiuj oni sendis el Holando K 52,800 por malriĉegaj infanoj de Budapest.

.·. S-ino *Schonwink*, en Enschede (Nederlando) tutkore dankas S-ron Epton en Londono por afabla plenumo de petitaj servoj.

.·. *Ĉ. Gruski*, Del. de UEA en Siedlce, kore dankas al S-roj P. Pankratz, preposto Becker, F. Prengel kaj aparte al S-ro Stanislaw Kowalewski en Bydgośĉ pro la kompleze faritaj servoj kaj agrabligo de restado en ilia urbo.

.·. La *C. O. de UEA* dankas S-ron Josef Orzech en Inowroctaw, kiu prave redaktis sian kronikaĵon laŭ la sistemo uzita en nia gazeto kaj tiamaniere ebligis tujan utiligon sen tempperdiga rekopiado. Same al F-ino Šupichová en Praha pri anoncoj.

## Esperanto praktika

Ni ricevis jenan komunikon de nia Delegito en Tiflis (Georgio), kiu montras kiajn interesajn servojn oni povas ricevi pere de la praktikaj servoj de UEA: „Antaŭ 2 monatoj mi dissendis 36 respondpoŝtkartojn al UEA delegitoj en diversaj mondpartoj, petante, ke ili sciigu min pri prezoj de ĉefaj nutraĵoj en ilia respektiva urbo la 1an de novembro kaj la samtagan borsokurzon. Mi intencis utiligi la ricevotajn rezultojn de mia enketo por verki finance ekonomian artikolon por „Esperanto". Profesoro de politika ekonomio ĉe la Tiflisa Politeĥnika Instituto promesis helpi min per siaj konsiloj.

Nun mi ricevas la respondojn, kiuj enhavas *tre* interesan materialon ebligantan fari gravajn konkludojn. Sed la artikolo estos tro longa kaj tro scienca por „Esperanto", kaj mi devos ĝin utiligi en specialista gazeto." — *D-ro Fiŝer.*

## Esperantistaj kuracistoj!

Mi dankas sincere al la kolegoj pri la provizora aliĝo al la „Internacia medicina revuo", sed bedaŭrinde la nombro de la ricevitaj kartoj estas ankoraŭ tre malgranda. Por la efektiviĝo de la afero estas nepre necesa, ke la kolegoj, kiuj havis la afablecon subteni ĝin, faru la plej grandan propagandon en siaj urboj inter la kolegoj. Mi proponas bonan rimedon al ili. Havu la bonecon traduki nacilingven mian alvokon, kiu aperis en „Esperanto" kaj ensendi ĝin al la nacilingvaj medicinaj gazetoj.

*D-ro Karlo Mezei,*
Teréz-körut 4, *Budapest VI.*

## Al tutmonda instruistaro!

Ĉeĥa popolo gloras tiujare la memoron de l' nobla homo, de l' instruisto de l' nacioj „Johano Amos Komenius".

250 jaroj pasis de lia morto. Lia korpo ripozas en nederlanda urbo Naarden. Kaj jen! Lia triumfanta spirito revenas en la liberigitan patrujon.

La ĉeĥa geinstruistaro ĵuris labori laŭ la idealoj de Komenius kaj volas konstrui novan, liberan, demokratan lernejon. Nu, kion ni volas, precipe ni ĉeĥaj geinstruistoj-esperantistoj?

Ni tre bone progresas en multaj fakoj: desegnado, arta edukado, muziko, kantado k. a. kaj volus eĉ konkuri kun alilandaj gekolegoj.

Ni volas akiri per propra laboro, per Esperanto diversajn facile akireblajn objektojn por niaj kolektoj de „helpiloj por instruado".

„Ĉion, pri kio oni la infanojn instruas, devas ĉi tiuj vidi tiel klare, kiel siajn 5 fingrojn sur sia mano", diras Komenius.

Oni eĉ propagos tiamaniere plej bone nian karan lingvon internacian, pri kiu ankaŭ nia fama samlandano revis en sia belega verko: „Via lucis" — antaŭ 300 jaroj.

Mi volus komenci kreadi gravan interŝanĝan entreprenon. Mi interŝanĝus kun interesuloj precipe eksterlandaj: infanajn desegnaĵojn, infanajn ludilojn (precipe tiujn, kiujn la infanoj mem produktas — malmultekostajn), amelajn, paperajn, manpresitajn ornamaĵojn laŭ mia propra metodo, knabajn manlaborojn el kartono, ligno, basto, lado, drato (eĉ desegnitajn modelojn de tiuj objektoj, stilajn lecionojn [tradukitajn Esp.], belajn artikolojn el naciaj gazetoj por infanoj [tradukitajn], naciajn kantojn [trad.] kun melodioj, priskribojn de l' atentindaj lokoj geografiaj aŭ historiaj, PI, ĉiuspecajn, artajn afiŝojn [eĉ jam uzitajn], bildojn por instruado de naciaj kostumoj, kutimoj, priskribojn de l' naciaj kutimoj, fotografaĵojn, virinajn manlaborojn [almenaŭ malgrandajn specimenojn], belformajn foliojn, plumojn, fruktojn [sekajn] por desegnado, lignojn: cedro, palizandr-, mahagon-, korkkverk-, gumarbo-[pecojn], koĉenilon, branĉojn kun floroj kaj fruktoj de kotono, kafo, teo k. a., pajlojn de: esparto, panamo, sukerkano, k. a., insektojn k. t. p.).

— Estas mia idealo havigi al miaj gelernantoj ĉiujn fremdlandajn objektojn (produktojn), pri kiuj ili legas en niaj lernolibroj kaj gazetoj! —

Tre estimataj gekolegoj, ni instigu la junajn Esperantistojn (lernantojn) ne sole por interŝanĝado de poŝtmarkoj, tio jam enuigas. Ni komencu kreadi novan homaron! Tio estas ja nobla celo de ciu instruisto. La junaj samideanoj devus interŝanĝadi siajn proprajn laborojn aŭ belajn kaj interesajn aĵojn de sia patrujo kaj popolo.

UEA kaj ni ĉiuj klopodu, ke ĉiuj registaroj malplialtigu la afrankon por la pakaĵoj kun la surskribo: *„Helpilo por la instruado"*.

Do, kiu volas helpi? Mi laboras 10 jarojn je mia propra metodo de manpresitaj ornamaĵoj. Miaj gelernantoj produktis pli ol 1000 tipojn (presilojn el salikoj, sambukaj branĉoj kaj kaneroj) kaj presas per ili belegajn ornamaĵojn (eĉ en nia nacia stilo), ili ornamas per tiuj ornamaĵoj objektojn el kartono. Tiu laboro estas tre interesa por la arta edukado de infanoj.

Mi aldonas al miaj interŝanĝsendaĵoj presitajn klarigojn en Esperanto (pri preparado de l' presiloj, eĉ pri ilia uzado). Mi preparas paroladon kaj interesan ekspozicion pri tiu ĉi laboro dum la XIIIa U. K. en Praha, precipe por la geinstruista fako.

Ĵus mi finis kurson kun niaj gekolegoj pri mia presmetodo en Olomouc. Mi faris dum la kurso gravan propagandon por Esperanto inter miaj gekolegoj kaj gelernantoj, mi gvidas 4 Esp. kursojn kun pli ol 100 personoj, el kiuj minimume 20 partoprenos la XIIIan U. K. de Esp. en Praha 1921.

Mi oferis multe da tempo al Esperanto kaj mia laboro. Mi volas aranĝi komparajn ekspoziciojn de la materialo el fremdlando kaj nia propra laboro.[1]

Do, kiu volas helpi, helpu tuj!

*Neužil Albín*, lernejestro,
*Olomouc-Neredín* (Ĉeĥoslovakio).

## Helpo al suferantaj germanaj infanoj

En la nomo de „Deutscher Lehrerverein für Esperanto" (Germana Esperantista instruistaro) mi kore dankas al Sinjorino Mammen, Grenaa, Danio, kiu tiel afable loĝigis 20 Dresdenajn Esperanto-infanojn en Esperanto-familioj dum la someraj monatoj. Dankon al la Danaj gesamideanoj, kiuj afable akceptis la infanojn kaj agrabligis al ili ĉiel la restadon en tiu lando. Eĉ muzikistaro estis ĉe la stacidomo, kiam alvenis la infanoj kaj ludis la Esperanto-himnon. S-ro Blicher, Kopenhago, estas preta, akcepti infanojn el Weinböhla. Dankon ankaŭ al li. Per tia senegoisma ago niaj Danaj gesamideanoj helpas al ni instruistoj, veki la „novan senton" en la koroj de la infanoj.

*Arthur Sohrmann,*
2a prezidanto de la germana Esperantista instruistaro.

[1] Ankaŭ mi malfermis Esperantan angulon en ĉeĥa gazeto por infanoj „Meady svet" t. e. „Juna mondo". Sendu interesajn artikolojn!
Ni devas ankaŭ nepre revivigi nian I. Pedag. Revuon. Kiu estus kapabla, preparu aŭ tuj aŭ almenaŭ ĝis la XIIIa proponojn kaj preparojn.

# Centra Dana Esperantista Ligo

*Oficialaj informoj*

*Kunveno de Reprezentantoj* okazis la 8 januaro. Pro grava malsano de sia patrino la sekretariino forestis. Oni pritraktis ĉu estas eble eldoni Danan Esperantan gazeton, ĉar el provincaj kluboj C. D. E. L. ricevis plurajn petojn pri ekzameno de tiu demando. Post zorga studo, petinte presofertojn de germanaj kaj de danaj provincaj presistoj, C. D. E. L. konvinkiĝis, ke dum la nuna ekonomia situacio, ĝi ne kapablas majstri tiun monpostulantan taskon.

Kiel kasiston de C. D. E. L., anstataŭanta S-ro Israelsen, kiu translokiĝis al Sudjutlando, oni elektis S-ron Taumose.

Tre grava demando estis, ĉu la danaj Esperantistoj devas inviti la Universalan Kongreson en Kopenhago dum 1922. C. D. E. L. jam dum la Haag'a Kongreso proponis Kopenhagon kiel kongresurbon 1921, kondiĉe ke ne aliaj landoj invitas la mondkongreson, ĉar ĝi timis, ke Kopenhagon dum la granda manko de domoj ne havos sufiĉe da loĝejoj por la verŝajne multnombraj kongresanoj, dezirantaj konatiĝi kun la norda Atheno.

Laŭ propono de F-ino Rybo oni decidis aranĝi novan kunvenon la 30 januaro, por ke ĉiuj danaj Esperantistoj havu la okazon montri sian opinion pri la nomita temo. La afero ja estas, ke ni kompreneble kun la plej granda plezuro invitos la Universalan Kongreson, sed se ni faros tion, ni ankaŭ devas esti certaj, ke ni havos sufiĉe da taŭgaj kaj lertaj helpantoj por prepari tian kongreson en la plej bona kaj plej sukcesplena maniero.

Pri la demando de Germana Esperanto-Asocio rilate la daŭrigon de samtaga propagando inter fakaj unuiĝoj C. D. E. L. decidis doni jesan respondon. Vidu specialan artikolon pri tiu propono en ĉi tiu gazeto (paĝo 9).

Al tiuj danaj Esperantistoj, kiuj jam nun pro la malalta valuto al Prago volas sendi monon uzeblan dum la kongreso, proksiman someron, C. D. E. L. konsilas sendi al Banko „Bohemia", Prago, kiu interrilatas kun la dana „Den Danske Landmandsbank".

*Martin Blicher*, Prezidanto de C. D. E. L.

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Robert Kreuz*, agema propagandisto kaj energia kunhelpanto de UEA, kun F-ino *Tilly Kraus*.

**Edziĝoj.** — S-ro *Georges Schober*, en Asnières, kun F-ino *Marguerite Malassis* el St-Nazaire (Francio).

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Epton*, Sekretario de UEA en Londono, naskiĝis filo, Sydney Robert.

Al Ges-roj *Nikola Vezev*, en Batak (Bulgario) naskiĝis filo nomita Dimite.

Al Ges-roj *Ilia Bojanov*, en Batak, naskiĝis filino, nomata Cvetanka.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de jenaj samideanoj:

**F-ino Fréchas.** Ni eksciis per „Le Monde Esperantiste" la morton de F-ino Fréchas, filino de ĝia redaktoro. Ŝi estis nur 30 jara. Al la funebranta familio ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn.

**Lina Cossaro,** nask. Percolt, kvankam juna, ne estas plu inter ni: ŝi mortis la 2 decembro 1920. Ŝi, edzino de nia fervora kaj eminenta samideano Prof. Demetrio Cossaro, estis la unua samideanino de Capodistria; Esperantistino jam de multaj jaroj ŝi ludis gravan rolon en nia regiona Esperantista movado. La enterigo estis solena; girlandon belegan sendis la istriaj Esperantistoj. Al S-ro Cossaro niajn sincerajn kaj respektplenajn kondolencojn! — *C. Ceol.*

**Giusto Beranek,** lernejestro, iam Del. en Capodistria, fervora kaj agema propagandisto. Al lia familio niajn sincerajn kondolencojn.

**S-ro Hermann Mangelsdorf,** dumviva membro de UEA, kaj nia kara grupano, mortis la 7 novembro. Ni bedaŭras la perdon de tiu ĉi inteligenta kaj artista homo, kiu antaŭ jaroj fervore propagandis Esperanton kaj estis bone konata kiel lerta redaktoro de la semajna Germana-Esperanto-Gazeto kaj lektoro por Esperanta ĉe la Politeknikejo en Cöthen. En la lasta jaro li revenis al Magdeburg por estri muzikan konzervatorion. Lian memoron ni ĉiam honore konservos. — *Marg. Küster.*

**Aleksander Boleslaw Brzostowski,** unu el la plej malnovaj propagandistoj en Polio mortis 71 jaraĝa. Antaŭ jam multaj jaroj li sukcesis presigi en polaj gazetoj propagand-artikolojn pri Esperanto; li estis multjara komitatano de Pola Esperantista Societo, en kiu li kun speciala ampleno flegis la bibliotekon kaj kolektis tre riĉan materialon por la estonta Esperanto Muzeo. La polaj samideanoj funebras tiun sortbaton. — *Adolfo Oberrotmann.*

**D-ro Tobias R. Leite,** inĝeniero, mortis en Campinas (Brazilio). Li estis kunfondinto kaj prez. de la unua Esp. Klubo en Brazilio. Li verkis vortaron Esp.-Portugala — vortaron Portugala-Esperanto kaj „Guia de Conversaçao", la du unuaj eldonitaj de Hachette & Co., la tria de librejo Genoud en Campinas. Al lia familio ni sendas niajn sincerajn kondolencojn.

**William Fred Douglas.** La Dublina Esperantistaro suferas grandan perdon per la morto de sia juna kaj agema sekretario, kiu okazis, post mallonga malsano, en lia 26a jaro, je la 8 oktobro. La mortinto estis la nevo de S-ro Sinton Douglas, la konata irlanda Esperantisto. Li estis la sekretario de la Dublina Esperanto-Klubo, membro de UEA, kaj ludis ĉefan rolon en la revivigo de Esperanto en Dublino depost la milito. La tre malforta Esperanto movado en Irlando multege suferas per lia morto, sed ĝi ne estas la sola bonfaranta movado, kiu funebras lin, ĉar por multaj samcelantaj aferoj li ageme laboris. Al liaj gepatroj, gefiloj kaj geparencoj ni sendas nian plej profundan simpation. — *J. A. M.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (=10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F.M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante se ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Belgio

**Gent.** — S-ro Groverman, advokato, Kasteelstraat, Gentbrugge, PM.
**Mont-St-Amand-les-Gand.** — S-ro M. Sebruyns, 34, Rue de Gand, PM (interŝanĝe mi havigos Esp. librojn, gazetojn, broŝurojn, PM, k. t. p., laŭ deziro kaj laŭ la valoro de la sendo).

### Bulgario

**Sevlievo.** — S-ro Iv. R. Tzonef, Kirilmetodi 18 (pri filozofio, teozofio, okultismo kaj ĉio progresiga).
**Sofia.** — S-ro Stefan Tochkoff, ul. Car-Boris 27, Pl, k. ĉ. l. (tuj respondos).
**Tirnovo.** — S-ro Ivan Nenkov, str. Sv. Gorska 2299, L, Pl, PM (interŝanĝas novajn kaj malnovajn Esp. revuoj k. ĉ. l.).

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro Procházka Ján, Seminárská 8, PM (ĉ. l. krom Germanio, Francio, Italio kaj Svisio).
**Jizerodoli u Semil.** — S-ro Rudolf Tulak, Pl.
**Jizerodoli u Semil.** — S-ro Wenzel Bartosch, L, Pl (ĉiam respondas).
**Král. Pole u Brna.** — S-ro Jaroslav Paulu, bankoficisto, Srbská tr. 3, Pl, fotogr., gaz. ilustr. (precipe kun romanaj landoj).
**Karbitz-Wiklitz.** — S-ro Kraje, ĝardenisto, abelisto, L, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Lucenec.** — Alea Esp. Grupo, S-ro Antonio Marek, Apátfalusi 2, L, Pl, PM.
**Lucenec.** — S-ro Madaro Löwy, Vajnska ul. 9, Pl, L (literaturo, nuntempaĵoj).
**Nusle 5.** — S-ro V. Ĉansky, Pl, PM, k. ĉ. l.
**Pardubice.** — S-ro L. Daniel, ĥem., Hronovická 640, Pl, bfl, L, gaz.
**Podjedlina** ap. Rychnov n. Ku. — S-ro J. Kunc, gimnaziano, PM, bfl, L, PK, Pl, k. ĉ. l. (prefere kun studentoj pri diversaj temoj, vendas legionajn PM, 1 serion por 5 Fr. sv., respondos tuj kaj nepre).
**Skrivany ap. Novy Bydzov.** — S-ro Boh. Pultr, PK, Pl, bfl, k. ĉ. l.

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro W. Kawecki, komercisto, Fischmarkt 40/41, PM (ne germ.; ĉiam respondos).
**Danzig.** — F-ino Marg. Werschkull, Kaninchenberg 14/II, L, Pl (ne plu sendas kaj interŝanĝas PM).
**Danzig.** — S-ro W. Friedrich, rektoro, Petershagen 33, PM (krom Germ., Pol., Ĉeĥ.; prefere en rekom. letero; ne sendas unue; difektitajn kaj malbelajn PM ne ŝanĝas).
**Danzig.** — S-ro Erich Lietz, Poggenphuhl 25, PK.
**Danzig.** — S-ro Gustav Barkmann, Kl. Gasse 9, PK.
**Danzig.** — S-ro Wilhelm Machalinski, Dominikswall 2, Pl, PK.

### Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Grünthal, fotografisto, Pl, L stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Narva.** — S-ro Jakob Friedrichsman, Weike Aguli tän 7, Pl, L, PM (kun neeŭropanoj kaj novaj ŝtatoj escepte Ĉeĥoslovakio kaj Finnlando).

**Tallinn.** — S-ro Joh. Tiks, Postkontori kantseleis, PI (kun ĉiulandanoj per naciaj tipoj kaj landvidaĵoj).
**Tallinn.** — S-ro Joh. Kanarbik, Postkontori kantseleis, PI (kun ekstereŭropanoj).
**Tallinn.** — F-ino Rita Perk, oficistino, Malmi tän. Nr. 3, krt. 7.
**Tallinn.** — S-ino Helene Tasane, oficistino, S. Amerika tän. Nr. 3-a, krt. 3.

## Finnlando

**Helsinki.** — Lernantoj en superaj klasoj de ŝtatliceo en Helsingfors studantaj Esp., PI, PK (kun samaĝaj [15—18] lernantoj de eksterlandaj superaj lernejoj). — Adreso: S-ro K. S. Ahonius, Sv. Lyceet, Elisabetsg. 13, Helsingfors.
**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM, k. ĉ. l. (ne malpli ol 100).
**Wiipuri.** — F-ino Lyyli Lappalainen, flegistino, Lääninsairaala, PK, L, PI.

## Francio

**Charleville.** — F-ino Marie-Louise Jallet, 1, Rue Perôt, PI, L, k. ĉ. l.
**Paris.** — S-ro P. Brocheriou, 6, ave. du Maine, PM (bonaj antikvaj francaj, ne sendas unue).
**Vernon** (Eure). — F-ino M. Farradesche, 49, rue de Bizy, PM (ne sendas unue).

## Germanio

**Breslau.** — S-ro Erwin Gerlach, Münzstr. 12, PI, k. ĉ. l.
**Breslau.** — S-ro Kurt Schröder, lavejo kaj gladejo, Grabschenerstr. 19/21.
**Breslau.** — S-ro Paul Sedlag, Reichstr. 12.
**Breslau.** — S-ro Erich Gleis, Goethestr. 67.
**Breslau.** — S-ro Wilhelm Schilk, Sternstr. 26.
**Breslau.** — F-ino Erna Patschek, Michaelisstr. 102.
**Breslau.** — S-ro Paul Männchen, Steinauerstr. 28.
**Breslau.** — S-ro Hermann Leipelt, Brüderstr 53/III.
**Breslau.** — S-ro Georg Friedrich, Bergstr. 5.
**Breslau.** — S-ro Alfred Geisler, Brandenburgerstr. 8.
**Breslau.** — S-ro Fritz Thiel, Rosenstr. 35.
**Chemnitz-Gablenz.** — S-ro Fritz Wicke, Ostheim, dez. korespondi.
**Chemnitz.** — S-ro Enver Hilmi Djélil, inĝeniero, Holbeinstr. 50 (pri teknikaj aferoj).
**Dresden.** — Korespondadon kun samfakanoj dez. 30 policanoj, 30 komerckomizoj, 40 bankoficistoj, 30 magistrat-oficistoj. Sin turni al S-ro W. Ranft, Hauptstr. 38.
**Eisenach.** — S-ro Paul Werner, Goethestr. 9, L, PM, k. ĉ. l.
**Eisenach.** — S-ino Ellen Werner, Goethestr. 9, L, PM, k. ĉ. l.
**Flensburg.** — S-ro K. Hansen, Hochstr. 20, PI, PM, L, bfl (tuj respondos).
**Flensburg.** — S-ro K. O. Schmidt, Toosbüystr. 5/I, PI, bfl, L, Esp. kaj aliaj gaz., librojn, diversaj propagandiloj, afiŝoj, glumarkoj, Ĉefeĉaj ŝlosiloj, cirkuleroj kaj ĝenerale ĉiuj Esp-aĵojn. (Kor. pri stenografio, grafologio, lingvoj, moroj, k. t. p. en Esp., germ., angla, franca lingvoj, respondas tuj, preferas eksterеŭropajn landojn).
**Gera** (Reuss). — S-ro Richard Schneider, Körnerstr. 28, sendas germ. PM aŭ PI, bfl (kontraŭ sendifektaj PM de aliaj landoj, rekomendas enmeti la PM inter gazetfolioj kun indiko PM aŭ PI kaj sendi kiel presaĵo).
**Heidelberg.** — S-ro Dufner, instruisto, Mittelstr. 10, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Kleinglienicke** (Kr. Teltow). — S-ro Geo Schmidt, k. ĉ. l. (pri atletika sporto).
**Langfuhr.** — S-ro Helmut Wolle, Heiligenbrunnenweg 12, PK.
**Leipzig-Grosszschocher.** — S-ro Kurt Quell, Nostitz-Wallwitzstr. 6, PI, L.
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**Oliva.** — S-ro Arnold Neumann, Steinstr. 2, PK, bfl.
**Potsdam.** — S-ro R. Pridat, Waisenstr. 40, PM, k. ĉ. l.
**Praust.** — S-ro Werner Hoffmann, PK.
**Praust.** — S-ro Franz Wiese, PK.
**Schweinfurt.** — S-ro Heinrich Weissbeck, PI, L, k. ĉ. l.
**Stuttgart.** — S-ro Hans Böning, Libanonstr. 45, PM (sendas interŝanĝe, laŭ deziro, PM, PI, Esp. gaz., PK).
**Stuttgart.** — S-ro Hans Wolf, Heslach Hahnstr. 60, PM, PK, PI.
**Stuttgart.** — S-ro Jakob Mack, Römerstr. 58, PM, PI.
**Stuttgart.** — S-ro Wilh. Gutmann, Landhausstr. 53 B, PM, PI, PK.
**Stuttgart.** — S-ro Max Schuon, Louisenplatz 6/II, PM.
**Teplitz-Schönau.** — S-ro Walter Chmeliarz, Mühlstr. 6 (dez. ŝakludi koresponde kun bonaj ludantoj).
**Wilhelmshaven.** — S-ro M. Starke, Prinz Heinrichstr. 12, PI (por partoprenantoj de kurso).

## Hispanio

**Jerez de la Frontera.** — S-ro Antonio Garzia Perez-Caballero, Esperantista Grupo, PM, PI, k. ĉ. l.

## Hungario

**Budapest.** — S-ro Károly Hegedüs, VI, Anker köz 1. II. 4., PM, k. ĉ. l. (nepre resp.).
**Budapest.** — S-ro Jozefo Joannoviĉ, VI., Izabella u. 89, PI, L, k. ĉ. l. (precipe ekstereŭropaj, nepre respondas).
**Budapest.** — S-ro Márton Szirmay, VI., Aradi u. 16, III, 5, PK, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ino Emilio Nedelkovits, V., Lipót körut. 28, III, 23, PK, PI, L, k. ĉ. l. (precipe ekzotikaj, ĉiuj ricevos respondon).
**Budapest.** — F-ino Margareta Weisz, VII., Rombach u. 13. I. 2, PI, L.
**Budapest.** — S-ro Dezidero Lübeck, IX., Tüzoltó u. 27 b, II, 17.
**Budapest.** — S-ro D-ro Stefano Bodnár, IX., Mester u. 3, PI, L, PM (prefere kun kuracistoj kaj dentkuracistoj de ĉiuj landoj).
**Budapest.** — S-ro Leo Herz, VI., O' utca 40, PI, PM.
**Budapest.** — S-ro Viktoro Drahvoszky, IV. Váczi u. 45, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.
**Nagykörös.** — S-ino A. Khirer, IV. Ker. 322 sz., PI, k. ĉ. l.
**Nagykörös.** — S-ro A. Khirer, IV. Ker 322 sz., PM (unuan sendon atendas).

## Italio

**Pisa.** — S-ro A. Gualdi, 2, Via Magenta, PM, PI, bfl.
**Pisa.** — S-ro A. Braccini, 18, Via S. Agostino, L, PI, PM, k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro A. Barsottelli, 3, Piazza Arcirescorado, PI, PM (belajn sendaĵojn).
**Pisa.** — S-ro Paolo Pontecorvo, Fabbrica Pontecorvo, PM, PI (ĉiam tuj respondas).
**Udine.** — S-ro Johano Della Savia, 11, Via di Toppo (interŝ. ĉiaspecajn Esp-aĵojn).

## Latvio

**Riga.** — S-ro Zeedonis Indra, ĵurnalisto, Marijas eela 12 dz. 17, L, PI (kontraŭ nacilingvaj taggazetoj sendas PM).

## Nederlando

**Deventer.** — S-ro Jan Prins, Polstraat 14, PI, PM, k. ĉ. l.
**Deventer.** — S-ro H. Prins, Polstraat 14, L, PK (senfadena telegrafio).
**Heerewarden.** — S-ro Louis H. Janssen, PI (prefere urbdomoj, ĉiam respondos).
**Helmond.** — S-ro J. E. Mulder, Julianalaan 3, PM, k. ĉ. l. (krom Germanio, li ĉiam respondos).
**Helmond.** — S-ro Jot. Knaapen, Heuvel 20, PM, k. ĉ. l. (escepte Germanio, ĉiam respondos).

## Polio

**Lodz.** — S-ro Izrael Lejzeroviĉ, Kilinskiego 28 (nacilingvajn gazetojn, koresp. pri historio).
**Rzeszow.** S-ro Henryk Leser, 12, Ogrodowa, PI, L, Esp. gaz. kaj papermonon.

## Rumanio

**Targul-Mureŝ** (Transilvanio, Rumanio). — S-ro Andreo Ĉe, katolika pastro, instruanto de Esp., Esperanto-Centro, PK, k. ĉ. l. (nepre respondos).
**Bender-Tighina** (Besarabio). — S-ro Lew Soltâschi, str. Regina Maria 6, L, PI, PK, PM, k. ĉ. l. (PM ne bfl).

## Svedio

**Västerås.** — S-ro O. Steiner, Lindero 3, PM, PI (naciaj kostumoj kaj historiaj domoj), L (pri arĥitekturo, teozofio, etnografio kaj ĉiuj problemoj internaciaj: ĉiuj demandoj pri Svedio estas respondataj).

## Svisio

**Rorschach.** — S-ro Johano Coppini, Weberstrasse 3, PI, bfl, k. ĉ. l.

## Ameriko

**Belleville** (Illinois). — Reime Studio, 23, W. Main St., PM (militmarkoj, novaj eŭropaj ŝtatoj).
**Oruro** (Bolivia). — S-ro Modesto Millan, 40, G. Casilla, PI, L (respondas unufoje).

# PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 5 Kr.; *Belgio* 0.80 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 2 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr. ĉ.; *Finnlando* 1.20 F. M.; *Francio* 0.80 Fr.; *Germanio* 1.60 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 5 Kr.; *Italio* 1 L.; *Jugoslavio* 2.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 5 M.; *Skandinavio* 0.40 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 25 centimoj.)

**Angla kaj hispana lingvoj.** — S-ro Aimé Roche, 21, rue Ernest Renan, Les Sauterelles, Vénissieux (Rhône), lernanta anglan kaj hispanan lingvojn, deziras korespondi kun angloj kaj hispanoj lernantaj la francan.

**Astronomio.** — Planedar-modelojn kaj aliajn instruilojn deziras aĉeti F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Edziĝo.** — 3 germanaj amikoj deziras edziĝon kun eksterlandaninoj. Portreto dezirata. Jos. Ippen, K. Wilhelmstr. 24, Hilden b. Düsseldorf.

**Esperantajn jurnalojn.** — Ĉiulandajn interŝanĝas Profesoro Dyba, Körnerstr. 4, Berlin, Niederschönhausen (Germanio).

**Filatelistoj.** — Kiu sendas al mi PM de sia lando, ricevos tuj samvalore naciajn kaj aŭstriajn PM. Volu kaj sendu mankotabelon de PM. Sova Otto, instruisto, Zákovice p. Bystrice-Hostyn (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per rekomendita letero 100—500 PM (ankaŭ pli multe de unu speco) de via lando, kaj mi sendos tuj al vi la saman valoron de Ĉeĥoslovakio. Aldonu respondkuponon! Josef Pumr, instruisto, Hradec-Kralóvé II (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Filatelistoj.** — S-ro Y. Friedrich, okrezni hejtman en Dacice na Mor (Ĉeĥoslovakio), sendas laŭvolan nombron da PM ĉeĥoslov. (ĉiuj), de aŭstria resp. (ĉiuj) kaj aŭstriaj (de j. 1908—1918) kontraŭ la sama valoro da PM de aliaj landoj. — Ne sendas unue.

**Filatelistoj.** — Kiu sendas al mi PM de sia lando ricevos tuj samvalorajn kaj samkvantaj germ. PM, R. Pridat, Waisenstr. 40, Potsdam.

**Gazetoj.** — Novajn kaj malnovajn Esp. gazetojn interŝanĝas: Libreria Luque, Cordoba (Hispanio).

**Gazetoj.** — Deziras ricevi nacilingvajn taggazetojn (diversajn numerojn eĉ en granda kvanto kaj de sama gazeto). Interŝanĝe sendas PI, PM kaj diversajn kolektaĵojn, S-ro Z. Indra, Marijas eela 12 dz. 17, Riga (Latvio).

**Instruado.** — D-ro C. Baart de la Faille, Arnhem (Nederlando), Röellstraat 8, petas informojn de personoj, kiuj instruis Esp. al infanoj, pri la aĝo de la lernantoj, la metodo kaj la rezultoj.

**Ĵurnalisto.** — Latva ĵurnalisto proponas senpage diversajn artikolojn aŭ sciigojn pri sia lando por Esperantaj aŭ nacilingvaj gazetoj. Deziras ricevi interesajn korespondajojn por Latviaj gazetoj. Kolektas librojn, revuojn kaj gazetojn enhavantaj artikolojn aŭ fotografaĵojn de Latvio (Letonio). Interŝanĝe de ili donas PM aŭ aliajn kolektaĵojn. S-ro Z. Indra, Marijas eela 12 dz. 17, Riga (Latvio).

**Kiu ajn sendas** al mi sialandajn helpmonojn paperajn (Notgeld), ricevos de mi per pošto revenanta belan kvanton da diversaj finnaj PM, aŭ kion ajn samvalore. Wilho Salonen, Kaivok. 6, Wiipuri, Keikkala (Finnlando).

**Korespondo.** — Gejunuloj, kiuj lernas angle kaj france volas en tiuj ĉi lingvoj korespondi. Konigu ankaŭ al ne Esperantistoj. S-ro Endré Hevesi, Budapest, Terézkörut 30.

**Liberŝtato Danzig.** — PM vendas kaj interŝanĝas kun alilandaj (ne germanaj) W. Kawecki, Danzig (Liberŝtato), Fischmarkt 40/41. Filatelista afrankado!

**Naturamantoj.** — Mi interŝanĝas aŭ vendas fotografaĵojn de la mondkonata glacia groto Dobsina (estanta en Ĉeĥoslovakio, komitato Spiŝ) kaj donas informojn pri tiu ĉi groto. Jos. Michalsky, Spišká Nová-Ves. XVI-ka Ĉeĥoslovakio.

**Papermono-ŝanĝado** kaj -vendado kun ĉiuj landoj. Por 4 respondkuponoj mi sendas 5 diversajn seriojn da papermono de Aŭstrio. Josef Kolnhofer, Wien XIII/4, Zehetnergasse Nr. 37.

**Pilaitlernejanoj,** kiuj volas korespondi kun kunuloj alilandaj, skribu adreson, aĝon, lernejon, klason, dezirojn al P-ro Dyba, Gymnasium, Berlin-Niederschönhausen (Germanio).

**Poŝtmarkoj.** — Mi vendas aŭ interŝanĝas kun eksterlandaj PM 15,000 ekzemploj da finnaj PM komence de la jaro 1856 kaj Romanoff PM de la jaro 1913. Petu katalogon! Mi vendas kaj interŝanĝas ankaŭ pomalmulte. S-ro W. Kankkunen, Finnlando, Lappeenranta, Mustota.

**Poŝtmarkoj.** — Se vi sendas al mi 100—200 diversajn PM de via lando vi ricevas tuj la saman kvanton da nederlandaj kaj de ĝiaj kolonioj. W. C. van Beemdelust, Prinsengracht 148, Amsterdam (Nederlando).

**Poŝtmarkoj.** — Ĉiuj, kiuj sendas al mi 50—100 PM malsamaj mi resendas plej rapide la saman kvanton. Heinrich Weissbeck, Heimannshäuser 12, Schweinfurt (Bavario).

**Poŝtmarkoj.** — Sendu al mi kian ajn kvanton novajn kaj malnovajn poŝt- kaj militmarkojn de iu ajn lando, kaj mi sendos la saman kvanton de Usono kaj Ameriko. Reime Studio, 23, W. Main St., Belleville, Illinois, U. S. A.

**Poŝtmarkoj.** — Por kompleta serio de via lando sendas ĉeĥoslovakajn, legionajn, plebiscitajn, militajn, hungar., jugoslav. kaj aliaj laŭ Senf aŭ Yvert. Sendu rekomendite S-ro Aleksander Fleischer, Praha IV-278, na Valech, Ĉeĥoslovakio. Ĉiam respondas.

**Rusa junulo,** pentristo, petegas samideanojn akcepti lin dum 2—3 monatoj. Irus ie ajn kaj farus iun ajn laboron interŝanĝe de loĝado kaj nutrado. Skribi al S-ro Kučerenko, Strada L. Tolstoj, Tighina (Bendery), Rumanio.

**Samideaninoj kaj Samideanoj,** kiuj kun mi afable korespondadis, al ĉiuj mi sendas por la Nova Jaro koran saluton. G. Jönsson, Hellefors, Svedio.

**Ŝako.** — Ŝakistojn al amikaj partioj invitas Georgo Kraus, ĉe Racek, Nemechy Brod, Ĉeĥoslovakio.

**Teknikistoj.** — S-ro Hone, inĝeniero, 168, Windmill Lane, Smethwick, Anglio, deziras la afablan sendadon de ĉiuspecaj Esperantaj gazetoj, katalogoj, reklamoj, gvidlibroj, k. t. p. Precipe li deziras reklamojn rilataj al maŝinaroj, inĝenieraj aferoj, teknikaj vortaroj, k. t. p.

**Vizitu Anglion kaj ellernu la lingvon senkoste:** instruo kaj malgranda salajro kontraŭ dumlaboraj servoj; valora eduka okazo por junulino; rekomendoj necesaj. Skribu plene kaj sendu fotografaĵon al Gesinjoroj Ashley, Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield, Anglio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**Agentejo, perado.** — Mi peras vendojn kaj aĉetojn de ĉiuspecaj artikloj, precipe ĥemiaĵoj, faďenoj kaj diversaj teksartikloj, ankaŭ vitraĵoj (Gablonzaj artikloj). Josef Döllinger, Warnsdorf, Nord-Bohemio (Ĉeĥoslovakio), (Vicdel de UEA, Esp. Entr.)

**„Al mia fratineto“,** broŝuro (31 p.) pri la seksvivo, verkita de Felik Ortt, havebla ĉe eldonejo „Chreestarchia“, Soest, Nederlando, kaj ĉe D. Roskes, prezid. de la Centra Komisiono de la Movado por ĉasta vivo, Hago, van Loostr. 68. Prezo: fl. 0.50 (duona holanda guldeno.)

**Fabiola.** — Rakonto pri la katakomboj de kardinalo Wiseman. El la angla lingvo tradukis E. Ramo. Multaj ilustraĵoj. 427 dense presitaj paĝoj. Prezo fl. 2, afrankite kaj rekomendite fl. 2.55 (21 internaciaj respondkuponoj), ĉe Centra Esperanto-Librejo, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Filatelistoj.** — Ni vendas 80 (100) bonajn PM ĉiuj diversaj por 2 (3) respondkuponoj; 100 germ. (Danzig, Saar, Bavario k. t. p.) por 5 respondkuponoj. Ni interŝanĝas 200 PM por 200 samvaloraj germ. Ni aĉetas malaltvalorajn PM ĉiulandajn po folio je 100 kaj petas pri proponoj. St. Vinzent-Unuiĝo, Körnerstrasse 4, Berlin-Niederschönhausen (Germanio).

**Filatelistoj** atentu: Ni vendas ĉiuspecajn bulgarajn poŝtmarkojn, novajn kaj malnovajn. Prezaro estas sendata tuj kontraŭ du respondkuponoj. Bureau Philatélique, ul. Tsar Boris 27, Sofia, Bulgario.

**Glumarkoj de Postkongreso en Budapest.** — La hungaraj samideanoj intencas aranĝi post la XIII-a en Praha postkongreson en ilia bela ĉefurbo Budapest, pri kio aperis nun glumarko en ses koloroj. Ricevebla 12 (du serioj) por respondkupono, 100 por 1 svisa franko aŭ egalvalora alilanda papermono ĉe Paŭlo Balkányi (Hung. Esp. Servo, Budapest VI, Hajos utca 15. II. 2.)

**Kiu volas** akiri malmultekoste poŝtmarkojn aŭstriajn kaj de aliaj landoj kaj papermono? Tiu turnu sin al Josef Kolnhofer, Wien XIII/4, Zehetnergasse Nr. 37. Serĉas ankaŭ agentojn en diversaj landoj

**Kolektantoj! Atentu!** Mi vendas hungarajn poŝtmarkojn por duona prezo de l' katalogo Michel 1920. Ie ajn vi pagas pli multe. Skribu al Leo Herz, Budapest VI, O-utca 40.

**Kontraŭ** unu svisa franko aŭ alinacia samvalora mono mi havigas 15 PI pri Lodz. Jz. Lejzerovič, 28, Kilinskiego.

**„Lumo“.** — Kelkaj jarkolektoj de l' malnova bulgara grandformata Esperanta ilustrita revuo „Lumo“ vendas S-ro Ivan Nenkov, str. „Sv. Gorska“ 2299, Tirnovo, Bulgario. Unu jarkolekto 10 fr. aŭ 1 dolaro en bankbileto.

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Malkara legaĵo.** — La okcidentaj samideanoj ricevas por —.50 spesdekoj laŭ paca kalkulo (alilandanoj por germ. Marko 1.20) la nun aperintan libreton „Ses Noveloj“ de plej famaj hungaraj verkistoj. Taŭga por grupa kaj kursa legado! Sendu la monon *nur* en naciaj monbiletoj en rekom. letero al Hungara Esp. Servo, (Paŭlo Balkányi, VI, Hajós u. 15. II. 2, Budapest) por sama prezo 100 sigelmarkoj de „Postkongreso Budapest“ aŭ 6 poŝtkartoj de „Postkongreso Budapest“.

**Poŝtmarkoj.** — Mi serĉas personojn, kiuj volas aĉeti por mi komerce poŝtmarkojn de siaj landoj; en San Marino, Albanujo, Afganlando kaj insuloj tra la mondo. F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Poŝtmarkojn,** „Pošta Československá 1919“, 70 specojn 300 fr., PM legionajn 6 por 5 fr., cirkulantajn 48 spec. 50 fr. kaj aliaj jus eldonataj vendas, interŝanĝas S-ino Anna Janovská, Praha, Hradčany, Urednické domy 278. Ĉeĥoslovakio.

**Radiotelegrafio.** — Mi volus aĉeti malgrandan send- kaj ricevaparaton por eksperimentoj, portkapableco ĉirkaŭ 5 kilometroj. Bonvolu skribi al Václav Nemec, prokuristo de Zivnostenská banka, Karlovy Vary, Karlsbad, Ĉeĥoslovakio.

**Spertaj agentoj,** bone rekomenditaj, kiu povas vendi pogrande fer- kaj teknikaj artikoloj en ĉiu urbo de Danio, Estonio, Finnlando, Letonio, Litovio, Norvegio kaj Svedio serĉas Kawecki & Wolff, Danzig, Fischmarkt 40/41.

**Via karaktero kaj viaj talentoj,** ankaŭ tiuj de konatulo aŭ de amata homo, unuvorte: ĉies karaktero estas ekkonebla el sia skribo. Se vi sendos al mi 20 liniojn, skribitaj de iu, mi klarigos al vi la bonajn kaj la danĝerigajn ecojn kaj kapablecojn de la skribinto. Honorario: 10 respondkuponoj, sendotaj kun la juĝenda skribaĵo. Ĉiun sendon mi science kaj plej zorgeme ekzamenas. La detalaj kaj veremaj juĝoj estos sendataj en rekomendita letero. Multaj homoj dankis por miaj konsiloj, tial ankaŭ vi devus, antaŭ ol fari malagrablajn spertojn, skribi tuj al la „Grafologa Oficejo Kauffmann“, Hauptstr. 129, Heidelberg (Germanio).

